# LITERATURA MONDO

TRIA JARO
UNUA NUMERO
JANUARO 1924



ESPERANTA REVUO POR LITERATURO KAJ ARTO REDAKTA KOMITATO: JULIO BAGHY, KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO DE LENGYEL, P. BALKÁNYI, KARLO BODÓ, RESPONDA REDAKTORO: DRO TEODORO SCHWARTZ, REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: BUDAPEST, VI., ANDRÁSSY ÚT 81. PRESITA: »GLOBUS« PRESARTINSTITUTO A. S. BUDAPEST ARADI UCCA 8.

# AL LA LEGANTOJ!

Nova jaro!

Novaj esperoj kaj eble — novaj senreviĝoj.

Egale! ni komencis kaj ni finfaros la jaron.

Estas multaj kiuj kun ni esperas, kun ni angoras, kiuj sentas la gravecon de Esperanta literatura centro kaj ĉagrene bedaŭrus ĝian malaperon. Nian koran simpation al ili! Por ili kaj pro ili ni laboras!

Ni plene konscias la grandajn malfacilaĵojn de vivteno ĉie en la mondo, precipe en la mizera Eŭropo. Tamen ni petas vian helpon. Kion ne povas fari unu persono, tion ja povas fari grupo aŭ societo. Se ili ĉiuj abonus la revuon, ni ne havus zorgojn, deficiton, kaj vi havus pli luksan kaj pli ampleksan revuon.

Ni petas vin ankaŭ pri iom da toleremo. Estas neeble ĉiam plaĉi al ĉiuj. Se vi trovos ion tro pipra, tro frostotremiga, aŭ tro naiva, tro dolĉa — ĉesu ĝin legi. Vi certe trovos en ĉiu numero aferojn laŭ via plaĉo. La arto ne estas ĉiam dolĉa kaj gaja kaj naiva kiel la fantazio de dekkvinjara fraŭlino. Sed ne forprenu de ĝi la rajton, esti kelkfoje tia, kiel tiu knabina fantazio.

Ĉu fari grandajn promesojn? Ne. Nia amplekso kaj nivelo minimume restos. Ĉion pluan ni faros laŭ nia plej bona povo kaj laŭ la eblo dependanta de vi.

*LA REDAKTA KOMITATO*

## PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN

## EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Wien, Esperanto - eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenĉka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* 'Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Germanujo:* J. Major, Oldenburg i. P. Damm 33 Raabe.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitskaulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristiania.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti. Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!

# POEMOJ EN PROZO

TIBERIO MORARIU

## I. SILVESTRO-NOKTE

Kiel nigraj akordoj de enteriga kanto sonas la monotonaj batoj de l' Vivo-horloĝo:

unu, du, tri . . .

dolorlitaniojn ploras la vento . . .

kvar, kvin . . . ses . . .

nevideblaj manoj funebro-tapiŝon teksas el nigraj nuboj . . .

sep . . . ok . . . naŭ . . .

. . . tamen tie: etan truon trabrilas pala *lunradio* . . .

dek . . . dek-unu . . .

jen, eĉ la lastan trueton enflikas misteraj manoj, nigro regas ĉie —

. . . dekdu. Blovo enflugas mian ĉambreton. Kvazaŭ aŭtomate estingiĝas mia lampo, kun susureto mortas la lasta fajrero en la forno. Iu kareseme kisas mian okulparon. Ĉu sonĝofeino?. . . Ni ensidas nigran kaleŝon portatan de nigraj flugilegoj, el kiuj nigraj lanugoj falas sur la teron kaj malsupre la mallumo fariĝas ĉiam pli kaj pli densa . . .

— — — — — — — — — — —

Nevidebla mano altuŝas miajn okulojn kaj, malgraŭ la mallumo, mi vidas.

Kaj mi vidas la Ĉielan Kampon. Sur monteto staras du nigraj ĉevaloj, sur la nigraj ĉevaloj nigraj kavaliroj. La Generalo kaj altstatura, osta Adjutanto kun la falĉilo.

Kaj sinsekve venas-iras la Ĉielaj Regimentoj numero 1, numero 2, kaj tiel plu . . . kaj ĉiu kolonelo raportas al la Ĉefkomandanto. La vento parol-fragmentojn portas al mi. Kaj mi aŭskultas la strangajn sonojn . . .

— — — — — — — — — — —

— Mi humile raportas al Via Generala Moŝto, ke mi disdonis tiom kaj tiom da fruntosulkoj al hometoj impertinente provintaj ekpenetri la Scion de l' scioj . . .

— Mi krevigis tiom kaj tiom da senkompataj koroj . . .

— Ĉe aliaj egoistoj mi dissemis tiom kaj tiom da tunoj da malgajo, sufero kaj ploro . . .

— Mi senvivigis unu per la alia tiom kaj tiom da hombestoj vestitaj per diverskoloraj uniformoj, ha! la malsaĝuloj, mortigintaj unu la alian pro kotpeceto por siaj tiranoj . . .

— — — — — — — — — — —

— Mi havas tiom kaj tiom da malbonulojkaptitoj — raportas la kolonelo de la lasta Ĉiela Regimento numero 365.

Kaj la Ĉefkomandanto ordonas kaj la altstatura, osta Adjutanto transprenas la malbonulojn-kaptitojn kaj transdonas ilin al la Inferestro.

Kaj la Ĉefkomandanto denove ordonas kaj la Ĉiela Kontingento por 1923 retiriĝas al meritita ripozo . .

Ĉirkaŭ mi denove iĝas pli kaj pli nigre. Misteraj manoj funebro-tapiŝon teksas el nigraj nuboj kaj la sola sono: dolorlitanio plorata de la vento . . .

Dum Silvestra nokto . . .

## II. NOVJAR-KREPUSKE

Mil kaj mil stelo-reflektoroj orajn lumgarbojn ĵetas tra la Superaj Sferoj . . .

— — — — — — — — — — —

kaj *mi vidas blankan nubokampon.* Sur verdaj montetoj staras du blankaj ĉevaloj, sur la blankaj ĉevaloj blankaj kavaliroj. La Generalo kaj beltalia Adjutantino, sur kies vizaĝo ruĝas vivorozoj.

— — — — — — — — — — —

Kaj antaŭ ni manovras la Ĉiela Am-armeo. Plejantaŭe la Vintra Divizio en blankegaj manteloj, poste la Printempa Divizio en rozkoloraj vestetoj, la Somera kun nudaj anĝeletoj, tie ĉi la Aŭtuna en grizaj uniformoj . . . kaj pretermarŝas antaŭ ni dekdu brigadoj . . .

Jen pasas la infanterio: ĉiu anĝeleto kun ora sagujo, en la sagujo am-venenaj sagetoj... jen la municiaj vagonoj de l' artilerio, en ili aro da bono, feliĉo kaj ĝojo . . . jen la plej interesa: la trajno kun longa kaleŝaro plenŝarĝita per freŝaj koretoj ruĝaj, per kisoj dolĉaj, — konstruilaro de revopontoj kaj sonĝo-kasteloj...

— — — — — — — — — — —

Mi prikalkulas la forpasantajn regimentojn: numero 1, numero 2, numero 3, . . . jen la lasta, numero 366 . . .

Kaj mansignas la Ĉefkomandanto al la beltalia, rozvizaĝa Adjutantino. Kaj la Adjutantino signas al la tuta Armeo kaj la Ĉiela Kontingento por 1924 tra nubopordoj ekiras en la Universon, norden, orienten, suden kaj okcidenten . . .

Jen la soldatetoj de la front-divizio, kiom lerte ili alkroĉas sin al blankaj neĝoflokoj . . . ĉiu anĝeleto sur alia neĝero . . . kaj alveninte malsupren, la etaj pioniroj per blanka tapiŝo enkovras la nigrajn vundojn de la Tero . . .

Jen la dua divizio, kies kavalerio per ventokaleŝoj alflugas la Globon . . . kien ili paŝas: vekiĝas la naturo el la vintra dormo, ekburĝonas la arboj, ekpepas la birdoj . ,

Jen la tria divizio: ĝiaj anĝeletoj sur sunradioj rampas terdirekten . . . kaj post ilia apero ora spikaro leviĝas sur kampoj senfinaj, sur la arboj ridas riĉa fruktaro — triumfas la vivo...

Kaj la lasta divizio aŭtuna. kies soldatetoj ensidas aerboatojn kaj tra pluvomaro ili remas malsupren... je ilia altuŝo fekundiĝas la tero...

Jen ankoraŭ rotoj da anĝeletoj forrestintaj de la vintra divizio: ili rajdas sur abio-odoro, portante sanon en la homajn pulmojn kaj ruĝon sur la vangojn . . .

Ektremas la montoj, vekiĝas la maro, ekmuĝas la arbaro . . . Lumo kaj Varmo ĉirkaŭdancas la teron . . . lumo ekflamas en la okuloj . . . en la koroj amo kaj en la animoj espero ekĝermas . . . streĉiĝas la muskoloj, eklaboras la manoj, la kamentuboj de mil kaj mil fabrikoj fajfemuzikas la marŝon de la Progreso . . .

. . . kaj eksonas la sonorilegoj de mil kaj mil preĝejoj kaj la mildaj voĉoj disflugantaj super montoj kaj valoj kun Harmonio-himno anoncas la naskiĝon de la nova jaro . . . blanka neĝoflokaro falas kaj puraj sentoj ekregas la homajn internojn . . .
en novjara mateno . . .

---

# LA LETEROJ DE LA POŜTESTRO

JULIO KRUDY. EL LA HUNGARA: FERDINANDO BECK

En la pasinta jaro, vagadante, mi venis en malgrandan vilaĝon, kiu troviĝas apud rapidege fluanta montrivereto, meze de montegoj kaj abiaroj. La grandaj landstratoj kaj fervojo estis malproksime de la vilaĝeto, eĉ la poŝto komunikiĝis nur ĉiun duan tagon. Eĉ tiam, kelkfoje kun malplena sako revenis la malgranda poŝtoĉaro: la vilaĝanoj havis tre malmulte da interrilato kun la ekstera mondo. La plej pasia korespondanto — kiel la maljuna poŝtestro rakontis — estis la fraŭlino instruistino. Sed ankaŭ ŝi nur unufoje semajne ensendis la solvon de la rebusoj al la ilustrita revuo.

— Sed ne ĉiam estis tiel, — diris la maljuna poŝtestro, kiu, kun siaj rondaj okulvitroj, kun la kvasta hejmĉapo sur sia senhara kapo, kaj kun la longa pipo, aspektis tiel same, kiel la plejmultaj maljunaj vilaĝaj poŝtestroj. Mi opinias, ke tiu, kiu entreprenas la vilaĝan poŝtestrecon, bezonas grandan dozon da anima harmonio. La enuiga egaleco kaj senespereco de la ofico supozigas, ke la maljuna poŝtestro atendas jam nenian eksterordinaran de la vivo. La grandaj pasioj, sopiroj kaj ambicioj ĉe ili konsistas nur el la senkulpa scivolemo, per kiu la maljunaj poŝtestroj kutimas atenti pri la korespondado de la vilaĝanoj. Antaŭ ili tre malofte havas iu sekreton en la vilaĝo, kaj ankaŭ nia maljuna poŝtestro rimarkigis kompateme, ke ankaŭ la fraŭlino instruistino pli multe korespondadis iam, havinte elektiton, brunan, malgrandlipharan junulon, sed kiu poste edziĝis al la filino de la Léva'a instruisto, al malgranda ruĝa fraŭlino, kiu havis pli multe da somermakuloj ol la meleagroovo . . .

Kiam mi esprimis mian miron pri la detaleco de la supraj sciigoj, la maljuna poŝtestro kviete ektirinte sian ŝultron, mallaŭte diris:

— Mi scias ankoraŭ pli multe, sed rakonti tion jam vere ne estus dece.

Vespere, kiam ni fumadis kune pipon en la oficejo, kaj la mure pendantaj oficialaj anoncoj, flaviĝintaj pro enuo, ŝajnis dormi, eĉ la valizo de l' poŝtisto kuŝis sur la tero, kvazaŭ volante ripozi, iu ekfrapis la vitron de la verdkurtena oficejpordo.

— La oficialaj horoj jam pasis, — kriis malafable la maljuna poŝtestro. Sed li tamen levis sin el la apogseĝo remburita per ĵurnalpapero kaj proksimiĝis al la pordo. Li forigis la kurtenon:

— Nu jen, fraŭlino Tina, — li murmuretis, kaj malfermis la pordon.

Blonda, mildrigarda, sed jam velkvizaĝa knabino staris sur la sojlo. Ŝia duone sinjorina vestaĵo, la debrusta antaŭtuko, kaj la traŝultre ĵetita puntotuko, sed precipe la malkuraĝa, sed tamen scivola rigardo, kiun ŝi ĵetis al mi, la fremdulo, konjektiĝis al mi, ke ŝi estas la instruistino. Hezitante ŝi staris iom da tempo sur la sojlo, sed poste kuraĝiĝinte per la afabla, de l' maljuna poŝtestro dirita „nu nu", ŝi tiris el sub sia antaŭtuko glufermitan leteron.

— Mi mem alportis ĝin, ĉar mankis al mi la marko, — ŝi diris rapide, honteme, kaj poste ŝi rapide foriris.

La poŝtestro kriis ŝerce:

— Kaj la prezo de l' marko, fraŭlino Tina? Sed la knabino tion jam ne aŭdis.

La maljunulo gluis markon sur la leteron, kaj atente stampis ĝin, kaj poste murmuretante li rigardis la leteron:

— La poŝto devas krediti en vilaĝo, se ĝi volas vivi. Jam denove tiu Johano *Juhász!* Freneza estas nia fraŭlino! Kion ŝi volas de edziĝinta viro? Sed estas ja vere: kun kiu alia ŝi povus korespondadi?

Li sidiĝis en la apogseĝo, kaj prenis la leteron inter siajn fingrojn, kaj rigardis ĝin atente tra la okulvitroj:

— Tiu ĉi estas malgaja letero, sinjoro. Varmegaj larmoj malsekigis kelkajn ĝiajn literojn; en ĝi estas la ĝemoj de kompatinda, forlasita knabino, kiu vidis, kaj eĉ nun vidas en Johano *Juhász* sian Dion, sian Savanton, kvankam, mi diras, Johano *Juhász* estas jam edzo.

— Sed do pro kio korespondadas kun li la fraŭlino?

La maljuna poŝtestro ekĝemis:

— Tial ĉar vi ne konas la vivon. Ni poŝtistoj konas ĝin. Se Johano *Juhász* mortus, kaj estus jam sub la tero, eĉ tiam estus senditaj dum iom da tempo la leteroj al li, ĉar sen Johano *Juhász* nia kompatinda fraŭlino ne povus plu vivi.

La maljuna poŝtestro ĉiam pli kaj pli malgaje ŝtopis sian pipon, kaj parolis mallaŭte, kompateme:

— Kiam mi estis juna, mi ankaŭ estis en la urbo, kaj mi konis urbajn knabinojn. Tiuj estas tute aliaj, ol niaj vilaĝaj knabinoj. Se ĉesas ilia korespondado kun iu kavaliro, morgaŭ ili skribas jam al la dua la samajn leterojn, kiujn ili skribis iam al la unua. Ĉar la amleteroj estas ĉiuj la samaj, kara sinjoro, mi scias, ĉar mi legis multajn, kiam mi estis juna. La poŝto tiam estis alia. Kelkfoje mi devis atenti pro oficialaj ordonoj pri la korespondado de kelkaj suspektindaj homoj . . . Do mi diras, ankaŭ multajn amleterojn mi legis, ili ĉiuj estas egalaj, kvazaŭ la folioj de l' arbo. Sola diferenco estas, laŭ tio, ĉu viviĝanta, aŭ mortiĝanta amo kondukis la manon de la skribinto. Kaj kiom da mensogo, sinjoro! Neniu povas tiel mensogi kiel la amanta homo. Sunlumo, lunlumo, florodoro, kaj parfumo estas en ĉiu amletero. Tiu homo, kiu ne skribadis amleterojn dum sia junaĝo, ne scias, kio estas la feliĉo, aŭ la malfeliĉo. La letero de la amanto alvenas: la maljunaj poŝtestroj estas la plej karaj homoj de la mondo Sed se la letero malfruas, nebuliĝas la mondo. Kiom da tragedioj kaŭzis jam tiu letero, kiu perdiĝis en la poŝtkesto. La leterojn de l' geamantoj aparte devus prizorgi la poŝto!

La maljunulo blovis grandan fumon al la flavaj tariftabeloj, kiuj, de iom da tempo, ŝajnis miri pro la longa parolo de ilia posedanto.

— La plej bonaj klientoj de la poŝto estas la nesanigeblaj geamantoj... Jen estas nia fraŭlino Tina. Estas domaĝe pri la poŝtmarko, pri la vana laboro de l' poŝto. Johano *Juhász* ja neniam fariĝos la edzo de nia fraŭlino, tamen ŝi skribas, ĉiam skribadas la leterojn. Estas vere, ke iom pli malofte ol antaŭe, sed tamen ŝi skribas. Dekjara amo estis tiu ĉi amo, sinjoro, dum dek jaroj ili feliĉiĝis unu la alian kaj sopiris la feliĉegon. Ĉiu letero iris tra mia mano. Mi konis ĉiujn iliajn pensojn, sonĝojn, ĝemojn. Eĉ, se ili skribis amversojn unu al la alia, mi korektis ilin, ĉar, dirante sen fanfarono, mi iam sciis iomete ankaŭ la versfaradon. Se mi trovis en la letero ian troan frenezaĵon, mi senceremonie forstrekis ĝin. La maljunulo ja devas havi pli da prudento ol la junaj. Mi bridis, sinjoro, je mia honoro, mi bridis kiom estis eble, kaj tamen la du malfeliĉuloj enamiĝis. Tiom ili amis unu la alian, ke tio jam preskaŭ doloris . . . Ĉar, sinjoro, ankaŭ en la maljunaj poŝtestroj ekzistas kelkfoje sento.



Auguste Rodin — Balzac

La maljuna poŝtestro enpensiĝis pri la estintaj memoraĵoj, kaj en la oficejo, ĉirkaŭ li, la oficialaj anoncoj, la valizo de l' leterportisto en la angulo, ŝajnis ankaŭ enpensiĝi. Mallaŭte, revante li daŭrigis:

— La knabino estis pli malfeliĉa, ĉar ŝi oferis sian tutan vivon al tiu amo.

La vilaĝaj knabinoj estas aliaj ol la urbaj, se ili amas. Precipe tiuj forlasitaj orfoj, kiuj eĉ okazon ne havas ami pli ol unufoje.

Tiaj ordinare velkas, mortas pro la troa sopirado... Mi estas maljuna poŝtisto, sed mi skuis mian kapon pro tio, kion tiuj du geamantoj komencis skribadi.

Kelkfoje mi eĉ dormi ne povis pro tiuj leteroj, kvankam mi jam estas meze de la sesa jardeko.

Subite fulmo frapis ĉi tiun amon. Johano *Juhász* skribis leteron, ke li devas edziĝi al tiu meleagroovo, por ke li ricevu oficon... Mi pripensis longe, ĉu mi transdonu tiun leteron al fraŭlino Tina. Tiu letero estus mortiginta ŝin pli certe, ol veneno. Preterlasinte la oficialan devon, mi defraŭdis la leteron.

— Kaj ĉu fraŭlino Tina eĉ hodiaŭ ne scias, ke ŝia amato estas edziĝinta viro? Kiel mi vidas, ankaŭ nun ŝi skribis leteron al li.

La maljuna poŝtestro ridetis melankolie:

— Jes, ŝi skribis leteron, sed ankaŭ tiu ĉi letero kuŝos ĉi tie, en la tirkesto, apud la ceteraj ne forsenditaj leteroj de fraŭlino Tina.

— Kaj la respondo je la letero?

— La respondon *mi* skribos, kiel kutime. Mi respondas en la nomo de Johano *Juhász*, kaj mi bridas, ĉiam mi bridas . . . Sed vane . . . Ofte mi sentas, kvazaŭ mi estus enamiĝanta. Mi ja ne povas lasi perei tiun ĉi knabinon.

Nun la maljunulo finis sian parolon, kaj la leteron de fraŭlino Tina nemalferminte metis en la tirkeston.

— Ĉu vi eĉ ne legas la leteron? — mi demandis.

— Kial? — ridetis la maljuna homo. — Mi ja scias kio estas en ĝi. Nokte mi skribos la respondon. Mi bridas, sinjoro, ĉiam mi bridas.

La sekvintan tagon mi forveturis el la malgranda vilaĝeto, kaj kelkfoje ridetante mi rememoras la maljunan poŝtestron: ĉu li skribas ankoraŭ la leterojn?

# LA NIGRA DOMO

VLADIMIR POLJANOV, EL LA BULGARA: I. H. KRESTANOFF. L. K.

Mi renkontis lin tre ofte. Mi ne sciis kiu li estas, kio li estas, de kie li estas. Nenion mi sciis pri li. Jam ĉe la unua renkonto faris al mi impreson la simileco, kiu estis inter ni. Li estis malalta, kun malgranda birda vizaĝo kaj maldikaj virinecaj manoj; preskaŭ la sama estis ankaŭ mi. Pli neverŝajna estis la simileco inter la ekstera esprimiĝo de tio, kio okazis profunde en ni. Ofte mi rimarkis: mi kunvolvis la lipojn, fermetis unu el miaj okuloj, ordigis miajn harojn — la saman (kvazaŭ mia propra respeguliĝo) ripetis samtempe ankaŭ li. Mi koleris, indignis, ne komprenis. Kvazaŭ la sama volo movis niajn membrojn, ordonis niajn agojn. Kelkfoje mi rifuĝis al ruzo, al ĵonglo, por lin trompi. Vane. Tiu ĉi homo neniam estis surprizita; eĉ la plej malfacilan svingon, eĉ la plej neatenditan agon li ripetis kun tia certeco kaj ĝusteco, kvazaŭ li estus ĵus pensinta pri tio.

Sed tiu ĉi komuneco inter ni manifestiĝis tre malofte. Ofte mi pensis, ke ĝi estas nur minuta hazardo, kies kaŭzon tamen oni facile povas malkovri — sufiĉus se oni nur pensadus pri tio. Sen tiu simileco — preterlasante la malgrandan eksteran komunecon — ni estis tute fremdaj kaj malproksimaj. Li diferencis de mi precipe per siaj kondutoj. Kaj se estis io, per kio li turnis al si mian atenton komence — tio estis ĝuste tiuj kondutoj. Ordinare li aperis ĉe iu multhoma angulo, kaj, etendinte la kapon antaŭen, li serĉis tion, kio lin interesis. Sed pli ofte mi renkontis lin ĉe la tramhaltejoj. La malplenaj vagonoj neniel okupis lin. Tial ja li ĝisatendis kun videbla malpacienco ĉiun plenan veturilon. Li lasis supreniri la novajn veturantojn, kaj post tio ĉi eniris mem en la vagonon. Sur la ŝtupo ne estis plaĉe al li. Malgraŭ la neebleco supreniri la peronon aŭ iri internen, li lerte trairis la amason kaj restis meze de ĝi. Li zorgis tamen ne esti inter la laboristoj-viroj entute. La virinoj iel pli plaĉis al li. Kaj en tia okazo, ju pli premata li estis, des pli kontenta li aspektis. Sed lia humoro ŝanĝiĝis ĉe la malpliiĝo de la veturantoj. Ĝi atingis evidentan malkontenton, kiam la vagono malpleniĝis. Tiam li malsupreniris ĉe la unua haltejo por ĝisatendi pli konvenan veturilon. Se tia ne venis baldaŭ, li kuris al la ŝatataj vojkruciĝoj, aŭ antaŭ la elirejon de iu teatro, ejo. Li ekstaris tie, kaj etendinte alte antaŭen la kapon, li rigardis. Lia rigardo neniam malsupreniĝis. Sur la tero por li kvazaŭ estis nenio interesa. Tion li trovis iom pli supre: super la ŝultroj de la amaso. Tie li fiksis sian vitran rigardon kaj ne forigis ĝin, ĝis li restis sola. Mi ne komprenis tiun ĉi homon kaj observis lin. Li miregigis min per siaj kondutoj. Tiuj ĉi konsternis min kaj akrigis mian scivolon. Mi observis lin.

Iun vesperon ni estis ree proksime unu al la alia. Li ne estis kontenta. Tio ĉi estis videbla. Vane li atendis antaŭ la tramhaltejo la konvenan veturilon: ĉiuj veturiloj pasadis malplene aŭ kun kelkaj veturantoj. Malesperigite, li paŝadis antaŭ la haltejo kaj murmuris ion. Li direktadis sian rigardon sur la dezertiĝinta strato kaj lia figuro kvazaŭ fariĝadis ĉiam pli malgranda, sub la pezo de ia turmento. Sed en iu pasanta veturilo li vidis ion kaj rapide supreniris. Mi restis surprizita: La veturilo estis tute malplena; ĝi, tamen, estis la sama, kiun atendis ankaŭ mi. Nevole ni fariĝis kunveturantoj. Kun ankoraŭ kelkaj: kun du laboristoj, unu maljuna sinjorino kaj du fraŭlinoj. La knabinoj staris sur la perono kaj laŭte parolis. Laŭ ĉio ili ŝajnis esti provincaninoj. Sed ilia societo estis por li pli interesa. Li restis sur la perono.

Unu el la fraŭlinoj, gracia blondulino, malgaje rakontis sian historion. Ŝi venis de malproksime. Ŝi serĉis laboron, loĝejon. Vane. Ŝi loĝis en hotelo. Terure. La sinjoro atente observis ilin. Liaj okuloj ne foriĝis de ili. Sed pli longe li rigardis la blondulinon — ŝian kapon, kiel ĉiam. Belegaj oraj bukloj abundis sur ĝi kaj ĵetis delikatajn nuancojn sur la vizaĝon. Subtila rideto kunvolvetis la lipojn de la sinjoro, kaj lia rigardo fariĝis ĉiam pli insista. Li kvazaŭ ne estis ĉe konscio. Io lin ebriigis, io lin frenezigis. Mi vidis: li manetendis kaj facile karesis la harojn de la knabino. En tiu momento niaj rigardoj sin* renkontis, kaj li mordetis siajn lipojn. Mi turnis min. Tiam mi aŭdis lian voĉon:

— Vi serĉas loĝejon? Pardonu, ke mi miksas min en vian interparolon, sed ĉar . . .

Paŭzo. Mi sentis kiel la mirigita knabino rigardis lin. Poste, denove lia voĉo:

— Se vi povas lupagi kvindek Levojn monate, mi povas proponi al vi ĉambron, je kiu vi estos treege kontenta.

Virina voĉo ekkriis:

— Ho, mi neniam supozis tiel malkare!*)

Mi ne povis plu reteni min. Mi eniris en la vagonon kaj sidiĝis tiamaniere, ke mi vidu la grupon. La sinjoro estis tute proksimiĝinta al la knabinoj kaj daŭrigis la interparolon kun la blondulino. Lia vizaĝo radiis per ia stranga brilo, kaj la knabino ŝajnis kontenta. Estis klare, ke la afero estas aranĝita. Li elpoŝigis karteton kaj ĝin donis al la provincanino. Mi malbenis la bruon de la fluganta veturilo kaj la gorĝvoĉojn de la du laboristoj: mi nenion povis aŭdi el tio, kio estis parolata ekstere. Mia kolero montriĝis vana, ĉar momenton post tio la sinjoro adiaŭis al la knabinoj kaj saltis el la vagono.

Tutan semajnon post tiu ĉi vespero mi ne renkontis lin. Li mankis antaŭ la teatroj, en la stratoj, antaŭ la tramhaltejoj. Ĉie. Mi ne sciis kion pensi. Mi estis kutimiĝinta vidi lin ĉie, kaj lia manko nun ankoraŭ pli fortigis mian scivolon. Mi ne povis supozi, ke li rezignis sian ŝatatan okupon — eterne serĉi ion. Tio estis lia pasio. Kaj la iom maljuniĝintaj homoj ne rezignas tiel facile siajn pasiojn. Ĉu li ne trovis, kion li serĉis? Sed kion, ĝustedire, li serĉis? Lia rigardo, plenigita per la fajro de ia freneza deziro, naĝis inter la kapoj de la multmila homamaso — kaj tie, eble, li trovis la serĉaĵon. Sed kio ĝi estis?

Dume, stranga okazintaĵo okazis. Mi mencias ĝin, ĉar ĝi ekflamigis momente ĉe mi teruran suspekton, por estingiĝi tuj. Kaj poste . . .

Sed pli bone, mi rakontu la okazintaĵon.

Iun tagon mi renkontis la blondan provincaninon. Ŝi kuris tra la bruoplena strato kaj kriis. Ne por helpo, ne pro ĝojo sed tiel, kiel krias la frenezuloj: senkaŭze. Ŝiaj vestoj estis disŝiritaj, ŝiaj okuloj rigardis en la spacon. Sed unu afero min mirigis pli ol ĉio: ŝiaj orkoloraj haroj estis fortranĉitaj kaj sur ŝia kapo elstaris nur mizeraj faskoj de la antaŭa trezoro.

*) En Sofia kaj ĝenerale en tuta Bulgario la lupagoj estas treege altaj: preskaŭ la duono de la salajro.

Mi vidis la domon, de kiu ŝi eliris. Ĝi estis la silenta domo, konstruita el grandaj ŝtonaj blokoj, kiu ĉiam impresis min. La nigraj ŝtonaj blokoj donis al la konstruaĵo majestecon kaj enigmecon. Tio ĉi venis ankaŭ de la eterne fermita pordo, sur kiu majstro-ĉizisto estis farinta du grandajn furioziĝintajn leonojn, kaj ĉe la randoj — strangajn figurojn de geviroj, senkapigitaj virinoj kaj murditaj viroj. Ĝi venis ankaŭ de la mallevitaj latkurtenoj, tra kiuj neniam estis videbla lumo el interne, nek penetris sunradio elekstere. Mi ĉiam opiniis, ke tiu ĉi domo estas la loko

La maljunulino jesis.
Mi demandis:
— Kaj iu alia?
— Dio! — krucosignis la maljunulino kaj rigardis min profunde mirigite.
Mi ekrigardis al la fenestro supren kaj ripetis pli klare:
— Kaj la sinjoro, kiu antaŭ nelonge ekrigardis tra la fenestro, ĉu li estas via loĝanto?
Konsternite, la maljunulino denove krucosignis:



Auguste Rodin — Skizo

de io, kio okazos, aŭ jam okazis, sed io, kio konsternos ĉiujn. Kaj nun — ŝajnis, ke mia suspekto praviĝis.
Mi vokis policanon kaj kun li mi kondukis la frenezulinon al tiu ĉi domo. Je ĉiu paŝo kreskis ŝia frenezo. Kaj kiam ni devis transpaŝi la sojlon de la korta pordo, ŝi sovaĝe ekluktis kontraŭ ni. Grandan teruron inspiris al ŝi tiu ĉi domo kaj ŝi kontraŭstaris nian deziron ŝin enkonduki internen. Ni ne cedis. Ni kondukis ŝin en la korton kaj sonorigis sur la unua domopordo. Ni devis longe sonorigi. Fine, la punto de kurteno leviĝetis kaj iu ekrigardis al ni. Mi rimarkis tiun ĉi rigardon. Mi rimarkis tiun ĉi vitran rigardon. Sed baldaŭ mi devis pensi, ke mi trompis min, ĉar la pordo malfermiĝis kaj sur la sojlo ni vidis maljunulinon, kiu havis la saman rigardon.
— Dio! — ŝi ekkriis vidinte nin.
— La fraŭlino loĝas ĉi tie, ĉu ne? — mi demandis.
La maljunulino ekrigardis min mirigite:
— Vi ja bone scias, ke ŝi estas nia nova loĝantino.
Poste, etendinte la manojn al la frenezulino:
— La karulino! Kio okazis al ŝi?
— Do, la fraŭlino loĝas ĉi tie? — diris la policano.

— Kia sinjoro? Dio! Ĉi tie estas nenia sinjoro. Vi scias tion tre bone. Ha, sinjoro, kion signifas la tuta..
En tiu ĉi momento okazis io terura. La frenezulino, kiu ĝis nun staris silente kaj kviete apud ni, subite malvolvis la manojn kaj, antaŭ ol ni sukcesis reteni ŝin, ŝi ĵetis sin sur la ŝtuparon al la fenestro, kies kurteno antaŭe estis levetiĝinta. Je unu paŝo antaŭ ĝi, ŝi subite konsterniĝis sur sia loko, turnis sin kaj rulfalis malsupren sur la ŝtona ŝtuparo. Sango makulis ŝian vizaĝon, ĝi konvulsiis pro terura doloro, kaj ne plu moviĝis.
— Mia karulino! Mia karulino! — mi aŭdis denove la voĉon de la maljunulino . . .

*

Pasis unu semajno.
Dum tiuj tagoj mi preskaŭ forgesis la sinjoron de la tramveturilo, kortuŝite de okazintaĵoj kaj travivaĵoj, kiujn min ne povis kompreni.
Mi estis forveturinta de la urbo, kaj kiam mi revenis, okazis la unua neklara por mi okazintaĵo. Mi estis iranta al la domo, kie mi loĝos. Mi estis je kelkaj paŝoj antaŭ ĝi, kiam mi haltis. Penso trakuris min: iam mi vidis tiun

ĉi domon. Ne tie ĉi, aliloke. Mi ne povis rememori kie, sed nun en mi pli klare ekestis la rememoro pri tiu ĉi dua domo. Mi vidis ĝian grandan pordon kaj la nigrajn blokojn, el kiuj ĝi estis konstruita. Mi vidis la strangajn figurojn de senkapigitaj virinoj kaj murditaj viroj, gravuritaj sur la ligno de la pordo. Poste: la latkurtenoj kun verdiĝintaj ferajoj. En mia memoro, ankaŭ ĉi tie, en la fasado de mia domo, — frapanta simileco! Aŭ io pli malbona: mi pensis — eble miaj delokitaj nervoj aranĝis al mi komedion; mi estas antaŭ tiu fremda domo, kiun mi vidis iam. Mi elpoŝigis mian karteton kaj rigardis la adreson: nenia dubo — mi estis antaŭ mia domo.

Mi alpaŝis la pordon kaj premis la sonorilon. Kurteno ekbalanciĝis en la unua fenestro de la malsupra etaĝo, kaj malantaŭ ĝi mi vidis ion: ies okulojn. Mi ekatendis maltrankvile. La memoro pri tiuj ĉi okuloj bruligis min. Kie mi vidis tiujn ĉi okulojn? Mi devis ekridi: — la pordo malfermiĝis kaj sur la sojlo montriĝis mia malnova ekonomino.

— Kia malfeliĉo! Kia granda malfeliĉo! — ŝi komencis jam de la pordo. Sed la ĝojo jam bolis en mi. Kio pli bela ol, post tiom da sennomaj maltrankviloj, esti en sia domo! Mi frapis facile la maljunulinon sur la ŝultro kaj diris:

— Vi rompis novan glason? — Nenio. Nenio eĉ se vi rompis dek el la plej belaj glasoj.

— Dio! — ŝi ekkriis.

Mi eniris en mian ĉambron. La kompatinda virineto sentis sin ĉiam malfeliĉa, kiam ŝiaj tremantaj manoj perfidis ŝin. Nenio. Mi ne volis eĉ pensi pri tio. Ĝoje mi respiris meze de la ŝatata meblaro kaj etendiĝis sur la sofo.

Ekstere vesperiĝis. La ĉefpreĝejo sonorigis por la vespro* kaj la frapoj miksiĝis kun la voĉo de iu gazetvendisto, kiu laŭte anoncis la novaĵojn de siaj gazetoj. Pasante sub miaj fenestroj, li jam kriis sian plej grandan novaĵon — kaj ĝi ekscitis mian scivolon. Mi alvokis la maljunan virinon, kiu daŭrigis rigardi min kiel frapita, kaj mi sendis ŝin por aĉeti ĉiujn gazetojn. Kelkajn minutojn poste mi legis:

„De certa tempo en nia ĉefurbo okazas strangaj kaj frapantaj laŭ sia simileco aferoj".

Sekvis longa priskribo de la okazintaĵo kun la blonda provincanino, kiu tiel tragedie pereis antaŭ sia loĝejo. Poste:

„Sed jen, antaŭhieraŭ la urbanoj estis atestantoj de dua simila okazintaĵo. Hieraŭ — de tria. Kaj hodiaŭ ni mateniĝis kun kvara".

Ĉiam inter la samaj cirkonstancoj, de ie aperis freneziĝinta virino, kaj kun krioj ŝi kuris tra la stratoj. La vestoj — disŝiritaj; la vizaĝo — elgratita ĝis sangado. Sed plej interese estis, ke de ĉiu la haroj estis fortranĉitaj.

La lastan parton de la sciigo mi eĉ ne tralegis. En mia konscio klare aperis la rememoro pri la okazintaĵo kun la blonda provincanino. Sed ankoraŭ pli klare kreskis antaŭ mi tio, kion mi neniam vidis: la okazaĵo kun la ceteraj virinoj. Mi ne scias kial, sed mi tuj sentis, ke ĝi estas al mi de longe konata. Kaj mi aŭdis pri ĝi, kaj, eble, mi ankaŭ vidis ĝin. Mi diris al mi: la sekvantan tagon tra la stratoj kuris alia virino kun fortranĉitaj haroj, poste unu nova, post tio ĉi ankoraŭ unu — kaj ĉiam kun fortranĉitaj haroj, Kaj mi tralegis la samon en la gazeto. Sed kiam mi venis al la loko „fortranĉitaj haroj", mi korektis min mem kaj la gazeton. Mi laŭte diris: la haroj ne estis fortranĉitaj, sed — eltiritaj, forŝiritaj, per manoj kaj per nehomaj penoj. Por momento en mia animo eknaĝis stranga bildo. Nebulo malsupreniris en mian konscion, mi vidis neokazintajn aferojn, antaŭ mi moviĝis rubando da okazintaĵoj, kaj mi ne sciis ĉu rememoro estis ĉio ĉi aŭ mi sonĝis. Nur unu aferon mi memoras: granda teruro min ektenis. Mi forkuris sur la straton kaj kiam mi ekrigardis mian domon kun la grandaj ŝtonblokoj kaj fermitaj latkurtenoj, kun la furioziĝintaj sovaĝbestoj sur la pordo, iu ekkriis en mi: tiu ĉi ne estas via domo!

Dum unu nova semajno okazis tio ĉi, post la morto de la kompatinda provincanino. Dum tiuj tagoj mi estis preskaŭ forgesinta la sinjoron de la tramveturilo, mi ankaŭ ne renkontis lin ie.

Mi renkontis lin iun tagon poste. En la oficejo por loĝejoj. Mi serĉis — li proponis. Kiam li eliris el la oficejo, mi petis pri lia proprono. Mi tralegis: ĉambro bone meblita, nur por fraŭlino, kontraŭ malgrandega lupago, sed ĉe kondiĉoj, kiuj devas esti interkonsentitaj. Sekvis la adreso. Kaj ĝi montris la saman domon, el kiu mi vidis eliri la freneziĝintan provincaninon dum tiu fatala por ŝi tago. Mi restis konfuzita. La maljunulino diris tiam, ke tie loĝas nenia sinjoro. Kial ŝi mensogis? Kian sencon havis ŝia mensogo? Mi rigardis la folieton kun la adreso, kaj nenian respondon mi povis doni al mi. Ĝi plaĉis al mi: tiu ĉi loĝejo ĝuste konvenis por mia parencino, kiu min estis komisiinta serĉi. Ankoraŭ plie ĝi plaĉis al mi, ĉar per ĝi mi plemumus planon, kiu subite ekbrilis en mi. Mi kunligis la okazaĵojn: la mensogon de la maljunulino, la strangan freneziĝon de la provicanino; subite en mi aperis rememoro pri la sciigo en la gazeto, — kaj mi decidis, ke mi devas penetri en la domon de la sinjoro de l' tramveturilo.

Sed el mia plano rezultis nenio. Mi donis la adreson al mia parencino kaj sendis ŝin en la domon. Unu horon post tio ĉi, ŝi revenis. Li rifuzis doni al ŝi la loĝejon: ŝi ne estis konforma al la kondiĉoj. Li donus ĉambron nur al knabinoj de provinco kaj kondiĉe, ke lia loĝantino helpos al li en la mastrumado.

Post tiu ĉi tago niaj renkontoj plioftiĝis denove. Mi vidis lin ĉie: sur la multhomaj vojkruciĝoj, antaŭ la teatroj, antaŭ la tramhaltejoj. Ĉiam kaj ĉie, kie estis multe da homoj, precipe virinoj. Liaj okuloj streĉe erarvagis inter la amaso. Sed ofte ili haltis nur sur unu objekto. Mi sekvis lian rigardon, kaj niaj rigardoj kuniĝis en unu fokuso: en la kapo de iu virino. Sed dum tiuj tagoj li ne aspektis tre kontenta. Li serĉis, kaj estis klare, ke al li ne prosperis. Mi sciis jam kion li serĉas. Mi decidis helpi lin. Kelkajn tagojn poste mi sendis al li novan loĝantinon. Antaŭe mi diris al ŝi, kiel ŝi devas konduti, kaj ŝi estis akceptita, ĉar ŝi ne revenis la saman tagon, kiel ni interkonsentis. Ŝi ne venis ankaŭ la duan, ankaŭ la trian tagon. Mi komencis maltrankviliĝi. Kaj iun vesperon mi mem ekiris al ŝi. Dankon al Dio, ke mi faris tion! Sed ne pensu, ke mi sukcesis helpi per io la knabinon. Ne. Dum tiu terura nokto mi havis la malfeliĉon esti nur rigardanto, senhelpa rigardanto de tio nehoma, kio estis ludata antaŭ miaj okuloj.

Antaŭ ol kuraĝi sonorigi kaj demandi pri mia konatino, kiam mi eniris en la korton de la domo, mia rigardo estis altirita de aparta lumo, kiu tremetis en unu el la ĉambroj. Ĝi estis en la malsupra etaĝo, samvice kun alia ĉambro, trans kies mallevita latkurteno apenaŭ penetris la lumo elinterne. Mi alpaŝis la fenestron de la unua. La kurteno estis mallevita kaj mi devis ekrigardi tra la sama punkto. En la fundo brulis kelkaj kandeloj, metitaj sur alta piedestalo. Ĉe ilia lumo mi povis trarigardi la ĉambron. Kvar nudaj muroj, ĉe unu el kiuj pendis leda vipo; vilaĝana kameno, antaŭ kiu estis disĵetitaj lignoj; kaj flanke — granda ligna kesto. Sed en la fundo de l' ĉambro mi vidis ankaŭ ion alian: grandan flaviĝintan ikonon, kaj antaŭ ĝi — genufleksintan homon. Mi rekonis lin. La sinjoro de l' tramveturilo. Li sidis tie kaj preĝis. Aŭ li ŝajnigis, ke li faras tion. Neniam mi supozis lin vidi en tia pozo. Baldaŭ mi devis certiĝi, ke tio ĉi vere estis pozo, se ne eĉ io pli malbona.

Ne pasis eĉ kelkaj momentoj, kiam mi aŭdis lian voĉon. Li vokis iun. Konata nomo. Kun tremo mi ekatendis. En la ĉambron eniris mia amikino. Ŝi aspektis trankvila kaj kvazaŭ jam kutimiĝinta al la cirkonstancoj kaj strangaĵoj de tiu ĉi domo. Kviete ŝi alpaŝis sian dommastron.

— Genufleksu! — mi aŭdis lian voĉon, kaj li stariĝis antaŭ ŝi kun ia granda libro.

La knabino obeis. Li metis sian manon sur ŝian kapon kaj milde tramurmuris ion. Mi ne aŭdis kion. Mi vidis lian vizaĝon: ĝi ridis. Ĝi ridegis kaj mokis, kaj desegnis liniojn de nekortuŝebla kruelegeco. Kaj la knabino estis kviete fleksinta siajn manojn por preĝi kaj atendis... Tiam mi denove aŭdis lian voĉon:

— Malvestu vin!

La knabino ekrigardis mirigite. Ŝi ne atendis tion ĉi. Sed li premis ŝin per unu el siaj manoj, certe por sugestii sian potencon, kaj pli laŭte ordonis:

— Ĵetu viaj vestojn kaj atendu la purigadon!

Mia amikino stariĝis kaj puŝis la libron kaj lin mem

* France: vêpres = posttagmeza, vespera diservo. *Rim. trad.*

flanken. Li ne moviĝis. Nur liaj okuloj fikse rigardis ŝian kapon. Nun li estis tia, kia mi lin konis de la strato, kaj antaŭ li estis la serĉitaĵo. Li fiksegis sian vitran rigardon al ŝi kaj atendis. Liaj manoj ektremis kaj kelkfoje sin levis al la knabino. Sed ŝi ne ŝajnis plenumi lian ordonon. En la tuta korpo tremegante, ŝi staris kontraŭ li kaj estis preta sin defendi. Tiam mi vidis kiel lia vizaĝo denove kurbiĝis, kaj lia mano etendiĝis antaŭen. Tamen, ne al la knabino, sed al la muro. Al la muro, sur kiu pendis la vipo. Momenton post tio ĉi, la leda plektaĵo ekfajfis en la aero kaj sin volvis ĉirkaŭ la korpon de mia amikino. Ŝi elkriis kaj forkuris al la pordo. Ŝi restis tie, por momento malvolvinta la manojn, kun teruro en la okuloj — kaj malaperis. La vipo duan fojon ekfajfis en la aero kaj falis ie en la ĉambro. La sinjoro de la tramveturilo ne postkuris la forkurintinon. Li restis meze de l' ĉambro: li tordis la manojn kaj lia korpo tremis. La flamo de la kandeloj ludis sur lia vizaĝo.

Mi ne sciis kio okazis al mia amikino. Mi kuris al la enirejo de la domo kaj puŝis la pordon. Ĝi estis ŝlosita Tiam mi revenis kaj iris al la fenestro de la dua ĉambro. La latkurteno estis forte premita, kaj mi nenion pois vidi. el la ĉambro. Mi aŭdis nur sufokan ploron. Tiiam mi forigis malgrandan tabuleton de la fenestrokovrilo kaj tra la fendo mi ekrigardis en la ĉambron. Elegante meblita dormoĉambro. Kontraŭe — spegulo de marmora lavmeblo, kaj en ĝi mi vidis la figuron de virino, tremanta en neregebla ploro. Mi rekonis la bluzon kaj la nigrajn buklojn de mia konatino — kaj mi volis frapi. Io min detenis: vira figuro proksimiĝis al tiu en la spegulo. Momenton post tio malaperis de ĝi ambaŭ figuroj por ke mi vidu meze de l' ĉambro mian amikinon, kaj kontraŭ ŝi — la sinjoron de l' tramveturilo. Li rigardis sin kaj iliaj korpoj tremis. Sed tio ĉi estis nur dum momento. Poste la sinjoro etendis la manon.

— Prenu! — mi aŭdis lian voĉon kaj vidis kiel li donas ian blankan objekton al la knabino.

— Kion vi volas de mi? — ploris mia amikino.

— Prenu! — flugis al mi lia voĉo.

Poste denove lia voĉo:

— Vi estas beata nun! Vi estas beata post la komuniiĝo! Kaj jen nun ankaŭ la hostio. Prenu!

Mi nenion povis kompreni el la strangaĵoj de tiu ĉi homo. Li kuris de la kvieta beateco de kredanto ĝis la sensaĝaj impulsoj de frenezulo. Nur unu aferon mi komprenis: ilian objekton. Li plektis en monstran reton mian amikion. Sed kia estis la senco de tiu plekto? Tion ĉi mi vidis nur poste. La knabino akceptis la hostion. Dum tio la sinjoro de l' tramveturilo gluis la manojn unu al la alia, kaj kviete rigardis sian viktimon. Sur lia vizaĝo disverŝis sin beateco kaj kontenteco, dum la knabino komencis strangajn konvulsiojn kaj tremojn. Volupta rideto ekfloris sur ŝiaj lipoj kaj ŝi flustris ion. Mi ne aŭdis kion, sed ŝi kvazaŭ vokis, kvazaŭ invitis la viron al si. Li proksimiĝis kaj volvis siajn manojn ĉirkaŭ ŝian korpon. Li falis.

Kaj nun komenciĝis la terura. La knabino konvulsiis kaj premis la viron al si, kaj li, genufleksinte antaŭ ŝi, irigis siajn manojn sur ŝian tutan korpon: de la piedoj supren, ĉiam pli supren, en strangaj saltoj kaj glitoj, al la ŝultroj, ĝis la kapo, ĝis ŝiaj haroj. Kaj tie ĉi liaj manoj kunvolviĝis, ĉirkaŭkaptis forte la harligon, malplektis ilin, suprenlevis ilin kvazaŭ muron el delikataj fadenoj, iris denove malsupren, ĉirkaŭkaptis la tutan hararon ĝis la kranio kaj tuj tiris ĝin furioze, kruele.

Mi frostotremis. Mi volis ekkrii, sed io kuntiris mian gorĝon. Mi volis disbati la fenestron, — mia pugno restis en la aero. Neklarigebla forto kunligis ĉiujn miajn membrojn. Kaj tio terura daŭris antaŭ miaj okuloj.

La knabino elkriis pro doloro, kaj pli volupte konvulsiis. Tiam la sinjoro de l' tramveturilo ĉirkaŭvolvis sian vizaĝon per ŝiaj haroj, mordis ilin kaj ree tiris per siaj manoj. La haroj tute kaŝkovris lian kapon, kaj mia amikino perdiĝis ie sub li. Mi vidis nur liajn fiksitajn manojn kaj la furiozan tremon de lia korpo — kaj aŭdis la seninterrompan dolorkrion de mia amikino. Ŝi senfortiĝadis pro doloro kaj pasio. Sed, kaptita de freneza volupto, li ne ĉesis. Li fiksiĝis ĉiam pli fortike en ŝian viktimon, liaj manoj tremis kaj ĉiam pli furioze tiris la harojn, kiuj ĉirkaŭvolvis kaj karesis lian vizaĝon.

En unu momento li stariĝis, levis supren la manojn kaj mi vidis: la harojn! la forŝiritajn harojn de mia amikino! Li karesis ilin, mordis, kisis. Li sin ĉirkaŭvolvis per ili, postulis, benis. Kaj la knabino konvulsiis en inferaj doloroj kaj kriis, kriegis. Mi faris nehomajn fortuzojn, kaj puŝis la latkurtenon. Ĝi ne rompiĝis. Mi kuris al la pordo kaj premis ĝin per ĉiuj fortoj. Ĝi kontraŭstaris. Tiam mi kuris sur la straton kaj ekkriis . . .

Amasiĝis homoj. Mi rakontis al ili ĉion. Mi diris al ili pri tio terura, kruela, kio okazis en la domo. Ili puŝfrapis la pordon — longe kaj forte. La pordon de la domo en kiu mi vidis la teruran spektaklon. Mi ankaŭ puŝfrapis — forte, ĝis sangado. Ŝajnis, ke en la domo ĉio dormas profunde. Longan tempon neniu aŭdigis sin. Fine mi vidis



Auguste Rodin — Sankta Johano Baptanto

leviĝeti la randeton de kurteno, kaj tie post ĝi — du okulojn, du vitrajn okulojn. Mi rekonis ilin: ili estis la liaj. Nun mi ne dubis pri tio ĉi: ili estis la liaj. Mi ekatendis. Aŭdiĝis malrapidaj paŝoj. Li venas. Mi diris: li venas. La homoj ankaŭ ekatendis kun tremo. Sed la pordo malfermiĝis kaj sur la sojlo ekstaris la antaŭa maljunulino. Kaj supre ĉe la fenestro mi ne plu vidis la vitran rigardon.

— Kie estas li? Kie estas li? Voku lin! — ekkriis la amaso al la maljunulino, kaj mi plej laŭte.

— Kiu? Kiu? — tremante demandis la maljunulino.

Tiam mi eniris en la domon. Ni traserĉis ĉie — ĉiujn ĉambrojn kaj angulojn. La maljunulino kuris post ni kaj kriis:

— Tie ĉi estas neniu. Neniu alia, sinjoro Lunz, kio okazas al vi? Sinjoro Lunz!

Ni ne aŭskultis ŝin. Ni traserĉis la tutan domon. En ĝi estis neniu. Tiam mi diris: ni serĉu ankoraŭ, li kaŝis sin! Sed ni komprenis denove, ke en la domo estis neniu, krom la maljunulino kaj la juna knabino, kiu ploregis en sia lito.

Mi iris al ŝi kaj demandis ŝin:

— Kien iris li? Ĉu li forkuris?

Tiam la knabino stariĝis, rigardis min, rigardis la aliajn, kaj ĵetinte sin sur min, ŝi ekkriis:

— Demono! Sovaĝa besto! Monstro!

Mi diris:

— Ŝi estas freneza. Ŝi estas malprudenta. Li estis tiel kruela kontraŭ ŝi . . .

— Vi frenezigis min! — ekkriis ŝi.

En la sama momento ŝi ĵetis sin denove sur min, kaptis mian veŝton, la butonoj falis teren, kaj ŝi eltiris harojn — virinajn nigrajn harojn . . .

La homoj rigardis min per larĝe malfermitaj okuloj. Per la miaj mi rigardis ilin. Tiam iu diris:

— Li estas frenezulo aŭ fripono.

Kaj la okuloj de ĉiuj fermiĝetis kaj fariĝis koleraj. Mi ne ekmoviĝis. Mi nur ekpensis, ekpensis kun larĝe malfermitaj okuloj: — tio ĉi estas la nigra domo, la timinda nigra domo, en kiu loĝas la teruro . . .

Kaj apud mi iu ree ploris:

— Kio okazis al vi? Kio okazis al vi, sinjoro Lunz?

— ploris apud mi mia maljuna ekonomino.

---

# BELOKANTO

## EL SETAJ* POPOLKANTOJ: D-O. J. HURT

Bel' veturis laŭ rivero,
Kanto laŭ kamparo larĝa,
per ĉevalo bontenita,
kverka sledo postmetita.
En la sled' edzin' gracia,
vortoj per kribril' sur sino,
kantoj per faden je l' kolo.
Bel' observis, Bel' aŭskultis,
kiu ĝin do renkontvenos,
renkontvenos, renkontmarŝos?
Renkontvenis ar' junula,
aro da ĉapelportantoj.
Ili tuje ekdemandis,
ekdemandis, ekpostulis:
„Kien iras vi, Beleto,
kien kuras vi, Kanteto?
Ĉu vi, Belo, nin alvenos,
ĉu vi, Danco, nin deziras?
Belo per la lang' parolis,
Bel' komprenis, Bel' respondis:
„Nek mi, Belo, vin aliros,
nek mi, Danco, vin deziras.
Mi ne volas inter knabojn,
nek en aron da junuloj,
ne sopiras knaban belon,
ne deziras knaban dancon:
knaboj havas lignajn vortojn,
kaj tiliajn havas kantojn.
Iros plugi vi la kampon,
emos porti la plugilon,
tie belon vi forgesos,
kanton el la kap' eligos."
Bel' veturis laŭ rivero,
Kanto laŭ kamparo larĝa,
per ĉevalo bontenita
kverka sledo postmetita.
En la sled' edzin' gracia,
vortoj per kribril' sur sino,
kantoj per faden je l' kolo.

Bel' observis Bel' aŭskultis,
kiu ĝin do renkontvenos,
renkontvenos, renkontmarŝos?
Renkontvenis ar' virina,
ar' da tukoportantinoj.
Ili tuje ekdemandis,
ekdemandis, ekpostulis:
„Kien iras vi, Beleto,
kien kuras vi, Kanteto?
Ĉu vi, Belo, nin alvenos,
ĉu vi, Danco, nin deziras?"

Belo per la lang' parolis,
Bel' komprenis, Bel' respondis:
„Nek mi, Belo, vin aliros,
nek mi Danco, vin deziras.
Mi ne volas al ĉe inoj,
nek en aron da virinoj,
nek al tukoportantinoj;
oni ne sopiras inan belon,
ne deziras inan dancon,
ne rigardas petoladon
Vi la belon ja forgesos,
kanton el la kap' eligos:
havos idojn vi malgrandajn,
kriegemajn kokidinojn,
iros luli vi etulon,
ĉarmulinon endormigi,
nek vi povos kanton kanti,
nek vi povos belon fari, —
tial belon vi forgesos,
kanton el la kap' eligos."

Bel' veturis laŭ rivero,
Kanto laŭ kamparo larĝa,
per ĉevalo bontenita,
kverka sledo postmetita.
En la sled' edzin' gracia,
vortoj per kribril' sur sino,
kantoj per faden' je l' kolo.

Bel' observis, Bel' aŭskultis,
kiu ĝin do renkontvenos,
renkontvenos, renkontmarŝos?
Renkontvenis ar' knabina,
ar' da kronoportantinoj.
Ili tuje ekdemandis,
ekdemandis, ekpostulis:
„Kien iras vi, Beleto,
kien kuras vi, Kanteto?
Ĉu vi, Belo, nin alvenos,
ĉu vi, Danco, nin deziras?"

Belo per la lang' parolis,
Bel' komprenis, Bel' respondis:
„Jes, mi, Belo, vin aliros,
jes, mi, Danco, vin deziras;
iras mi al junulinoj,
en la aron da knabinoj;
oni deziras vian dancon,
rigardadas petoladon,
sopiradas belfaradon.
Vi ja belon ne forgesos,
kanton ne el kap' eligos:
bel' junulinon antaŭkuras,
ŝerco ridas ĉe la dorso,
ĝi mem meze turniĝadas,
en intero ĝi kuradas, —
tial vi belon ne forgesos,
kanton ne el kap' eligos.
Kiel luno en la nuboj,
suno sur la rand' de l' nesto,
tiel junulinoj en la belo,
infaninoj inter kantoj.

Venis Bel' al junulinoj,
Kant' en aron da knabinoj,
venis pro sopir' ilia,
venis pro vokad' ilia.

El la estona:
*HENRIKO SEPPIK*

* Setoj: tribo de estonoj en sudorienta Estonio.

# LA „ĈIOFARULO“*

JOSÉ GERMAIN, EL LA FRANCA: E. ARCHDEACON



Li estis mirinde elturniĝema. Bonega soldato, iom kritikema kiel ĉiuj francoj, li estis tre servema, egalhumora, ĝoja, eĉ en la plej malfacilaj cirkonstancoj, kaj ĉiam li ektrovis la taŭgan vorton. Nia taĉmento nomis lin la „Ĉiofarulo“, ĉar li efektive sciis ĉion fari, kaj ĉiam bone. Li replandumis la ŝuojn, flikis la vestaĵojn, riparis la fotografajn aparatojn, la poŝlampojn, la ŝtonfajrigilojn, modelis ringojn, konstruis barakojn, ornamis ilin per rapide farita meblaro, preparis manĝaĵojn, fandis aluminion en sardelskatoloj, malkovris vinon, ovojn, fruktojn, kaj kortobirdojn kie neniu alia estus ilin trovinta.

Ĉar li havis belan skribmanieron, oni uzis lin, dum la ripozaj periodoj, kiel kalkuliston ĉe la vunditejo.

Li havis ankaŭ multajn societajn talentojn, li kantis kanzonetojn, deklamis monologojn, kaj, kiam post peniga marŝado la soldatoj alvenis lacegaj, li eltiris el sia sako fluton aŭ korneton kaj ekludis gaje-gajan arion.

Ĉiam freŝe razita kaj zorge puraspekta, li estis por siaj kunuloj ekzemplo de preskaŭ tro konscienca pureco.

* *El la libro „Notre guerre“* eldonita en 1918 ĉe „la Renaissance du Livre“ 79 Bould. St-Michel Paris.

Li ŝercis ĉiam kaj pri ĉio, sed, kiam ni havis kamaradojn vunditajn, li fariĝis seriozega, kaj liaj ridemaj okuloj tuj ekhavis melankolian brilon.

Liaj manoj, ĉiam lertaj sed tamen iom krudaj, penadis fariĝi kiel eble plej mildaj. Li montris grandan sagacecon por helpi la transporton kaj kuŝigon de la vunditoj, por improvizi pajlajn litojn kaj aliformigi garbejon en vunditejon.

La tuta ambulanco fieris pri „Ĉiofarulo“.

Iun tagon li estis morte vundita. Du kamaradoj transportis lin sur liton kaj penadis por lin konsoli.

„Vi resaniĝos, amiko, la vundo ne estas tre grava“.

Sed li turnis al ili sian palegan vizaĝon kaj ankoraŭ ridetantan:

„Ĉiofarulo scias ĉion fari kaj eĉ inde morti. Vivu Francujo!“

Kaj la agonio komenciĝis. Ni unuanime ploris pri lia morto. Malfeliĉa „Ĉiofarulo“! Kiel grave ni estis sentontaj lian malaperon.

*José Germain,* antaŭ kelkaj jaroj nemulte konata literaturisto, estas hodiaŭ unu el la plej famaj francaj aŭtoroj. La tridek-sep-jara roman- kaj teatroverkisto, ankaŭ rimarkinda kronikisto, paroladisto, verkis 12 volumojn kaj 40 teatraĵojn.

# *AŬTOBIOGRAFIO*

Mia viv' la tuta
Estis bonkonduta.
Mi ĉiam estis lerta
Kaj nun mi estas sperta.

Infano ĵus naskita
Mi estis edukita,
Silenta mamsuĉisto
Kaj tial... feministo.

Jen mi — gimnaziano.
Mi kantas per soprano
Kaj spertas sportan ciklon:
Glitilojn kaj biciklon.

Deksepan mian jaron
Mi venkas ĉiun baron,
Sed estas mi revisto
Do kaj Esperantisto.

Studento malmodesta,
Malsobra sed honesta
Mi igis eĉ sen groŝo
En pantalona poŝo.

Post l' universitato
Mi estis advokato.
De l' viv' jen ora mezo;
Enspezo kaj enspezo!

Matura hom' — juĝisto,
Mi estis kulturisto,
Batalis por popolo
Kaj kontraŭ alkoholo.

Nun ĝusta maljunulo.
Mi estas vera nulo:
Mi — praesperantisto
Kaj aĉa versaĵisto!..

*10. I. 1924. NOVI SAD* — *M. SOLOVJEV*

# ETERNE RIGIDA

LIVIU MARIAN*), EL LA RUMANA: TIBERIO MORARIU



En la preĝejo regas muta mallumo. Je l' mateno de tiu vintrofina tago ĉio estas morta en ĝia interno. La muŝetoj, kiuj aŭtune ne povis liberiĝi el la arestejo de l' malvarmaj muroj, rigidiĝis kaj unu post alia ili falis mortaj sur la ŝtonplatojn glaciajn. La araneoj, pli antaŭvidemaj, ĝustatempe forlasis la fumkovritajn retojn kaj faris al si neston en la fendaĵoj de l'malvarmaj muroj, kie ili dormas profunde.

La sanktuloj, kun vizaĝoj sekaj kaj palaj, depaŝas malrapide, kiel en sonĝo, el la ombro de l' apudfenestraj muroj kaj grande malfermas siajn okulojn, kvazaŭ ili sorbus la voĉon de l' pia silento, kiu regas la tutan enon de la sankta loĝejo.

Sinsekve, unu figuro alviciĝas al la alia, ŝajne vokite de la sama sorĉa voĉo de l' profunda silento, kaj jen, la preĝejo pleniĝas per sanktaj figuroj.

Fine la unua vivsigno: Timema sunradio, tremanta arĝenta fadeno sin filtras tra la plenfumita fenestreto kaj delikate malleviĝas al la dekstra ĥorejo. Ĉi-loke ĝi haltas, lace pro sia vojaĝo longa, sur la rigida supro de vaksoguto flava, kiu kuŝas saĝe, kiel sigelo de diplomo, sur la folio de malnova libro, kiun oni forgesis malfermita.

La tuŝo de l' argentfadeno vekas la guton el la sonĝo de l' inerteco. Ĝi frotas siajn dormemajn okulojn kaj sur ĝia vizaĝo aperas serena ĝojlumo. Estas antaŭ longe, kiam ĝin vizitis en ĝia malgaja soleco tiu ĉi bona amiko el la ekstera mondo. Certe alvenis la printempo — diras al si la guto kontente en penso.

La printempo! Kiom da ĉarmo kaŝas sin en tiu ĉi vorto! Kaj la feliĉa guto komencas reviviĝi kaj devolvi la belajn rememorojn el sia pasinto eterne entombigita. Ĝi vidas mil fadenojn arĝentajn, pendantajn kiel diafana, blindiga tolo el la ĉielo al la tero, plenigante ĝin per lumo milda kaj varma. Tra ili, kvazaŭ oraj bobenoj, trapasas sagosimile, zumante, abeloj fervoraj. Unu el ili trovis ĝin iam, kaŝitan en la kaliko de floro, kiu ĝin ŝirmis kaj de kie ĝi rigardis, ebriete de odoroj, la miraklon de l' reviviĝo de la fadeno, kaj ĝi estis perforte ŝtelita.

Ĝi eĉ ne priatentis, kiam atingis la abelo la abelujon, kiam ĝi trairis la truon, kaj kiam ĝi metis ĝin bele sur la antaŭparto de komencita ĉelaro. Kiam ĝi vekiĝis el la sveno de la kapturna flugo, fariĝis nigre antaŭ ĝiaj okuloj. Ĝi kuŝis fiksite al loko en la malvasta kaj mallumа interno kaj malcerte rigardis la abelaron bruan, kiu en- kaj elflugas senripoze, kun sperto kaj fervoro konstruante la ĉeletojn ĉirkaŭe.

Sed se ĝi perdis la lumon, interŝanĝe ĝi ekkonis de la gutoj najbaraj la belajn nomojn de tiom da floroj kaj iliajn dolĉajn parfumojn. Kaj iom post iom ĝi komencas ŝati tiujn ĉi insektojn laboremajn kaj senlacajn, kiuj vivas eterne en la societo de l' delikataj floroj, de kiuj ili ŝtelas gutojn de vakso kaj mielo, sed repage ili portas de unu al la alia sekretajn amflustrojn kaj interŝanĝas iliajn kisojn parfumajn.

La vaksoguto nun bone komprenas: se ne estus la abeloj, ne povus ami la floroj, kiuj ne havas piedojn por promeni, nek flugilojn por flugi! Kaj vivo sen amo kian valoron povus havi?...

Jen pretas la ĉelaro, kun la ĉeletoj rekte vicigitaj, kvazaŭ ĉenoj de sukcenperloj. Kaj kiam la guto mediteme sin demandas, kian sencon povas havi ĉi tiuj dezertaj vazoj, venas abelo rapida kaj verŝas en la ĉelon de ĝi garditan, mielguton flavan kaj dolĉan. Laŭvice pleniĝas rapide ankaŭ la najbaraj ĉambretoj kaj la guto restas muta pro la miro antaŭ la saĝeco de l' abeloj.

Nun ĝi nur dezirus ankoraŭ, ke la abeloj portu al ĝi ankaŭ la karan floron, en kies kaliko ĝi tiom dolĉe sonĝis sub la suno. Sed ĝia atendo vanas. Ne scias ŝajne la kompatinda, ke la abelo ne iras post aĵoj senvaloraj kaj ĝi ne foruzas siajn fortojn por similaj tempoperdoj sensencaj, nenian profiton portantaj al ĝi. Ĝi, la floro, eble povas esti bela por rigardo kaj agrabla je odoro, sed — se vian malsaton vi ne povas satigi per ĝi!...

Iun tagon, kiam ĝi eĉ ne atendis, la kruda mano de l' abelisto elprenis ĝin kun ĉelo, kun ĉio, en la lumon. Foje ĝi komencis freneze ronde turniĝi pro sveno. Haltinte ĝi vidis kun miro, ke ĉiuj mielgutoj elflugis. Ĝi ne havis tempon por esplori tiun ĉi sekreton, ĉar krudaj manoj rompis ĉiujn ĉeletojn, ilin amasigis samloke, farante mason grandan kaj molan.

Fine la kunpremitaj ĉeletoj estis volvitaj je tavolo, kvazaŭ tolo, ĉirkaŭ kotonŝnureto, al kiu gluita restis ankaŭ ĝi.

Pendigite je la blanka ekstremaĵo de l' fadeno etendita, kiel spino, en la mezo de l' flava vaksrulo, la kandelo ne ĝuis multan tempon sian trankvilon en vendejo. Estis festotago plena je lumo, abelzumo kaj florodoro, kiam nekonata mano deprenis ĝin de la najlo kaj portis ĝin al la preĝejo.

Ĝi estis alfiksita antaŭ sanktula bildo kaj la kotonfadeno estis ekbruligita. Apenaŭ eksentinte la varmegon de la vaksoberoj, rapide defluantaj preter ĝi, komprenis la guto, ke la blanka ŝnureto estis ruza kaj perfida malamiko, ĉar ĝi nun faris al si vojon al la lumo, fandante kun ĝia fajrolango la vaksogutojn ĝin amike gardintajn kaj ŝirmintajn.

— Se oni povus ekkoni la malamikon laŭ

*) Naskiĝis en 1883 en Siret (Bukovino). Eminenta pedagogo kaj talenta prozisto rumana, kunlaboranto de multaj revuoj literaturaj. Liaj noveloj kaj skizoj kolektitaj en la volumoj „Suflete stinghere" kaj „Printre stropi" enhavas delikate elektitajn temojn.

ekstero! — pensis senĝoje kaj maltrankvile la guto. Sed, vidante la senfinan pluvon de la vaksolarmoj ĉirkaŭ si, ĝiaj pensoj rigidiĝis kaj profunda malgajo kaptis ĝin. Kaj turmentite de la penso, ke ankaŭ ĝin atendas la momento de l' humiliga falo sur la teron, ĝi restis senespere, nesciante kion komenci. La brulanta flamo ĉiam pli forte ardas kaj ĝi konstante direktiĝas malsupren, ĝin minacante.

— Almenaŭ se mi ne falus en la malpuran polvon, sur la ŝtonplatojn kaj min ne rompus la piedoj! — pensis malgaje la guto, kiu estis ĝis nun nur en lokoj lumaj, puraj, plenaj de bonodoroj...

Hazardo feliĉa plenumis ĝian penson kaj retenis ĝin de la sorto de siaj malfeliĉaj kamaradoj. Kun tremanta mano la instruisto deprenis la kandelon de la sanktula bildo kaj prenis ĝin kun si en la ĥorejon. Helpante per ĝi sian malfortan vidon, la maljuna kantisto en sia malluma angulo sekvis la liniojn de la cirilaj literoj, balbutante sian kanton similan al tiu de la krabro dormema. Kaj kiam li tenis deklive la kandelon, la guto fandita de la flamo glitfalis sur la supron de la sankta libro, kie ĝi rigidiĝis por eterne...

Ĝi vekiĝis kun teruro, ĉar la fadeno de l' sorĉaj rememoroj disŝiriĝis tie ĉi kaj ĝia bela sonĝo finiĝis. Ĝi restis kun la dezertaj pensoj kaj nun vane ĝi provas devolvi plue la fadenon de siaj memoroj.

De kiam ĝi rigidiĝis sur libro, ĝia vivo fluis inerte, monotone, sen ŝanĝo kaj sen ĉarmo. La samaj rigardoj rapidemaj de la kantistoj glitis super ĝia figuro. La samaj fingroj ostaj makulis kaj difektadis la marĝenojn de l' folio kaj nun ankaŭ ĝi estas antaŭ falo en abismon, kiu ĝin minacas.

Ja la profunda saĝeco de la sankta libro, kaj la belaj preĝoj, kiujn ĝi aŭdas ĉiutage, ili gutverŝis konsolon en ĝian animon, kaj igis ĝin interpaciĝi kun sia sorto! Ĉar laŭ diro de la libroj: Ĉio estas vantaĵo!

Kaj silenta kaj turmentita de la penso, ke povus veni momento, kiam ĝi estos forpelita el sia kara anguleto kaj ĝi devos denove komenci la vojon de l' migroj senfinaj kaj turmentoj humiligaj, — jen penetras en ĝian animon, kiel dolĉa konsolo, fragmento de preĝo, havata en la linioj de la maljunaj literoj, apud kiuj ĝi gardestaras kaj de kiu ĝi atendas la savon: „... kaj ne donu al la morto nin, kiuj en pento, kun rompita koro kaj kun larmoj falas antaŭ vi, Sinjoro..."

---

# PAĜOJ

### EL MIA AGENDO

1. Januaro

Sur la fundo de strange formita ujeto mi havas trezoron. De tempo al tempo mi ne povas kontraŭstari la tenton, ĉion elpreni el la ujeto, por fine ĝui en ravo la brilon de mia trezoro. „Dum ĉio senvaloriĝas en la mondo, — mi pensas — mia trezoro konservas siajn valoron kaj brilon; ĝi estu benata kaj restu ĉe mi por ĉiam!" Farinte tion mi retrankviliĝas kaj estas denove kontenta por iom da tempo: mi scias, ke mi ĝin havas.

Estas utile iafoje konstati, ke oni posedas trezoron ne detrueblan per la influo de l'tempo. Ankaŭ ni Esperantistoj posedas tian trezoron: nian Esperanton. Ĉu vere ĝi estas trezoro? Kontraŭuloj ja volus nin kredigi, ke ĝi estas senvalora, superflua, eĉ malutila kaj malbela. Ni ne konvinkiĝos. Sed lastatempe mi aŭdis tute novan specon de atako t. e., ke pro sia senviva unutoneco Esperanto meĥanikigas la spiritan vivon. Jen argumento danĝera, ŝajne sprita kaj tamen senbaza kaj ne logika. Eĉ, se la formoj de nia lingvo estus nepre krudaj, primitivaj, malbelaj, malbonsonaj, ĉi tiu riproĉo ne estus pravigebla, ĉar en tio ja ne decidas nur la formo, kiom ajn grava ĝi estas, sed la ideo. Se estas eble klare esprimi per ĝi ĉiujn homajn pensojn, neniu lingvo, eĉ se ĝi estus aritmetika sistemo, povus meĥanikigi la spiritan vivon. La lingvo estas ja nur la vesto de la penso. Samrajte oni povus riproĉi al la Morse-signoj, ke ili meĥanikigas la trafikon aŭ al la notoj, ke ili meĥanikigas la muzikon. Sed dank' al Dio eĉ kaj ĝuste la formo de nia lingvo kontentigos ĉiun, kiu juĝas objektive. Klare, bele, harmonie kaj bonsone, ĝi sin prezentas en formoj, vortoj kaj frazoj minimume egala al ĉiu nacia lingvo. Por serĉemuloj troviĝos multaj ekzemploj, kiom saĝe kaj delikatsente Zamenhof elektis siajn formojn! En *amikeco* ni trovas la *amon;* ni konscias la parencecon inter *fidi* kaj *fideleco*, inter *scii* kaj *scienco*, inter *litero* kaj *literaturo*, inter *ideo* kaj *idealismo* ktp. — Restas do nur la supozata unutoneco, kiu efektive estas genia reguleco, neniel ĝenanta la belecon de nia lingvo. En la arto oni starigis principojn de reguleco, por distingi la belon. Kial do la sama principo ne estu aplikebla en la lingvo?

Mi konfesu la veron: kiom ajn ŝatinda estas la interna valoro de Esperanto, *min* allogis — mi preskaŭ dirus delogis — ĝuste ĝia *lingva beleco!* Mi aŭdis ridojn kaj sentis larmojn en Esperanto, min gajigis ŝercoj kaj edifis sciencaĵoj en Esperanto, mi trovis neniun penson, neniun senton, ne esprimeblan per Esperanto en klara kaj bela formo. Mi enamiĝis je Esperanto kiel *lingvo*, kaj mi ne toleros malican kalumniadon kontraŭ ĝi.

La lingvo Esperanto estas mia trezoro, konservata sur la fundo de mia koro. De tempo al tempo mi ne povas kontraŭstari la tenton, ĝin karese elpreni por laŭdi ĝiajn brilon kaj belecon. Ĝia valoro ne povas perdiĝi en la daŭro de l' tempo, sed nur plialtiĝi!

Ĉu mi ne estas prava, amikoj?

Mi konsilas al vi: bone konservu, gardu kaj defendu vian trezoron!

*Zanoni*

## D E L I R O

Dum dia inspiro
L' anim' tremetas.
Sur kordojn de l' liro
Mi fingrojn metas.

La kordoj kantas pri la sankta vero,
Pri la necesa por popoloj paco,
Pri l' amo inter homoj, pri l' ofero,
Pri l' ora tempo — de la Di' donaco —,

Ke ĉiu homo homon jam komprenas,
Neniu rabas kaj neniu rompas . . .
Sed kruda sono de la tero venas
Kaj la humoron preĝan interrompas ;

Ĝi mokas deliron.
Kord' fisonoras.
Mi ĵetas for liron,
Amare ploras.

*M. SOLOVJEV*

# A R T O K A J A R T I S T O J

### AUGUSTE RODIN



Li naskiĝis en 1840. en Parizo, en malriĉa familio. La unuajn lernejojn li finis en *Bauvais* kie lia infanaĝo pasis tra grandaj animaj transformiĝoj kaj ondadoj de sentimento kiuj postlasis en li profundajn postsignojn. Li estis timema, silentema, meditema knabo, kiun parte lia malriĉeco, parte lia delikateco retenis de liaj petolaj kunuloj kaj igis enfermiĝema. Li serĉis la solecon ; tie li transdonis sin al siaj revoj, kiuj portis lian sopireman animon al novaj kaj nekonataj celoj per la rapidaj flugiloj de l' fantazio. En lia dormetanta animo vekiĝis grandaj deziregoj kaj grandaj voloj, kies ekflagranta fajro lumigis la misterojn de novaj kaj ĝis nun ne konataj mondoj.

En sia 14a jaro, kun granda decido en la animo, li revenis en sian naskiĝurbon, Parizon, kie li atingis la revon de sia sopiro : li enskribiĝis al la *„École de Dessin"*. Tie li komencis diligentan, seriozan laboron kaj kun persista pacienco li desegnadis la gipsmodelojn, kvankam liaj inklinoj tiris lin prefere al la libera naturo. De mateno ĝis tagmezo li knedis kaj formis argilon ŝvitante ; dum la posttagmezoj li vizitis la antikvajn skulptaĵojn de l' *Louvre*; dum vesperoj li foliumis siajn librojn kaj fianĉigis sin al la spirito de Michelangelo. Intertempe ankaŭ la zorgoj de l' ĉiutaga vivteno peziĝis sur li kaj okupis la plej grandan parton de lia forto.

Sed siajn libertempojn li ĉiam bone fruktuzis : dum ili li ĵetis sin febre en la laboron kaj naturstudadon. Tiel pasis malrapide la jaroj.

En 1864, en sia 24-a jaro li pretigis sian unuan verkon dediĉitan al la publiko : „Homkapo kun frakasita nazo," — sed la *Salon* rifuzis ĝin. Poste venis provadoj daŭrantaj preskaŭ 15 jarojn en plena enfermiĝo kaj soleco. La mistero de l' vivo levis antaŭ li sian vualon kaj li divenis, kiamaniere modelis la grekoj, kiel kaptis la Vivon *Michelangelo*. Post la 1871-a milito li iris al *Bruxelles*, kie li faris la kariatidojn de l' *„Palais de Bourse"* kaj la frisojn de l' *„Palais d' Académies"*. Per la mono ĉi tie akirita li vojaĝis al Italio por studi tie la artajn memoraĵojn de l' antikvo kaj de l' renesanco. De tie li revenis al *Bruxelles* kun fortaj impresoj kaj komencis modeli la skulptaĵon „Bronzepoko". Li laboris 8 monatojn nur sur ĝia kapo, kun persista fervoro kaj zorgema enprofundiĝo. Kiam ĝi pretiĝis, la kritiko akre atakis lin kaj suspektis, ke lia skulptaĵo estas gipsfandaĵo farita sur vivanta korpo. Kelkaj eminentaj spiritoj, inter ili la iama publicisto de *„L' Aurore"*: ĉefministro Clémenceau, tuj ekkonis lian genion kaj en la necesa momento rapidis helpi lin.

En 1877 li faris en sia patrujo pli longajn studvojaĝojn kaj vizitis la monumentojn de l' grandaj katedraloj. Li reveturis kun grandaj impresoj al Parizo kaj modelis la skulptaĵon de „St. Johano Baptanto", videbla nun en la muzeo *Luxembourg* kontraŭflanke al la „Bronzepoko". Poste sekvis majstroverkoj unu post la alia, sed la naskiĝo de ĉiu estigis skandalojn, ĉar ĉiu estis neado de la laŭskemaj akademiaj formoj. La konstantaj mokoj de l' kritiko ne povis aflikti lin, kun ĉiam pli fortiĝanta fido li laboris plu. Kaj venis : Evo, la Pordego de l' Infero, Ugolin, Bellona kaj la Pensanto, Victor Hugo, Balzac, la Burĝoj de Calais kaj ankoraŭ multaj aliaj . . .

La arto de Rodin havas sian radikon profunde en la ŝanĝiĝa eterna Vivo kies simplajn simptomojn lia grandega artista individueco sciis pliintensigi ĝis drame forta efekto. Li dronis profunde en la studado de l' homa animo, en la misteroj de la dormetantaj sopiroj, ribelantaj afekcioj kaj tremantaj pasioj, kies streĉitecon sur la ekstera supraĵo, en la svingiĝo en movon de la potenciala energio de l' ripozanta korpo, li povis figuri kun neniam superita forto.

La „Bronzepoko" — aŭ kun vortoj de Rodin — la homo, kiu vekiĝas je la Naturo, figuras junan homkorpon svingiĝantan en movon. Nun li vekiĝadas . . . Nun ekfluas la sango en liaj vejnoj, nun ekkonscias en lia cerbo la sopiroj ĝis nun dormetantaj kaj sur lia korpo kvazaŭ vibre baraktas ia nova antaŭsento pri la mistero de l' Vivo. Liaj fortoj kaj sentoj ĝis nun senokupaj subite liberiĝas kaj kuniĝas kun liaj sopiroj en granda volo, kies svingo ondas tra lia elasta korpo kaj saltas en

liajn suprenlevitajn brakojn. Kvazaŭ ĝi estus mem Rodin, vekiĝanta je sia konscio...

La pulsadon de l' vivo kaŝiĝanta sub la ekstera supraĵo eksentis Rodin ankaŭ en formoj ŝajne ripozantaj. Per tio li venis pli proksimen al la kompreno pri la greka skulptarto ol liaj samtempuloj, kiuj vidis en ĝi nur belajn pozojn kaj senenhavajn formojn. Grandiozan ekzemplon de liaj artaj principoj donas la skulptaĵo „Pensanto [1], por kies pretigo „Jeremio", bildo de *Michelangelo,* donis al li la impulson. „La eksteraj detalaĵoj de la homa korpo — diras Taine[2] — estas trezorejo por la pentriso kaj por la skulptisto, kiel la internaj detalaĵoj de l' homa animo estas trezorejo por la dram — kaj romanverkisto". Kaj vere, ĉiuj ĉi trezoroj estas aplikitaj de Rodin en ĉi tiu statuo. Ĉiuj muskoloj, ĉiuj artikoj, ĉiuj ostoj, unuvorte ĉiuj detalaĵoj de l' fizika homo sin volvas tordas, klinas, streĉas en la servo de unu celo, de unueca, granda laboro. Ĉi tiu sidanta homa figuro kliniĝas pro la ŝarĝo de la streĉita pensado kaj liaj muskoloj ŝajnas preskaŭ diskrevi pro la streĉantaj fortoj de l'internaj emocioj. Ni sentas efektive, kia baraktado okazas sub la supraĵo, inter kiaj doloroj naskiĝas la savanta Penso.

„Mi komencis per fidelaj naturstudaĵoj, — diras Rodin — per tiaj, kia estas la „Bronzepoko". Sed ĉi tiu mia skulptaĵo ankoraŭ ne kontentigis min: en ĝi estas io malvarma. La bustoj de *Rochefort* kaj de *Victor Hugo* estas jam pli gravaj: pli larĝe modelitaj. Al ĉi tiu mia dua metodo mi venis nur tra la unua, kiu konsistas el la precize konsiderata „etudo". Ĉi tio donis al mi la anatomiajn konojn, la scion. Poste mi komprenis, ke mi devas oferi la apartajn detalaĵojn al la unueca geometrio, al la sintezo de la ĝenerala ekstera efekto. Mi devas leviĝi al pli alta realismo, kio estas: interpreto de la naturo laŭ nia temperamento. Mi komprenis, ke la arto postulas iom pli altrangan grandecon kaj ian troigon. *Flaubert* diris: *„Il n'y a que les éxagérés qui soient vraiment grands"*[3]. Kaj li estas prava. Tute kopii la naturon ne estas celo de l' arto. Ja fandaĵo prinatura estas la plej perfekta kopio, kiu estas imagebla: tamen ne estas en ĝi vivo, movo kaj ĝi nenion diras. Le akcento, la sentigo kaj troigo de la gravaj partoj, tio estas bezonata. Oni devas akcenti la streĉitecon de la muskoloj, la kuntiriĝojn, oni devas elkavigi la truojn. La skulptarto ne konsistas el la glateco de plataj kaj nemodelitaj figuroj: la skulptarto estas la arto de la truoj kaj tuberoj. Ĉio dependas nur de tio, kiamaniere ni modelas, kiamaniere ni serĉas la gvidantajn liniojn de la platoj, kiamaniere ni faras la kavaĵojn kaj tuberojn, kiel ni kunigas ilin kaj kiel ni solvas la harmonian transiron de l' lumo kaj ombro. Tiel ni akiras la belecon, la delikatecon, la molecon same kiel la forton. La modelado estas la respeguliĝo de l' vivo, mem la Vivo, ĉar ĝi troviĝas en ĉio. Ho, sed la publiko ne komprenas ĉion ĉi. La sensciuloj diras pri tiaj skulptaĵoj: „ĉi tio ne estas finita". Kvankam la finiteco estas same danĝera kiel la eleganteco: ambaŭ povas mortigi la arton".

Per ĉi tio ni havas la ŝlosilon al la kompreno de l' arto de Rodin. Lia labormaniero do estas tute alia ol tiu de la skulptistoj ĝenerale. Evoluinte per la modeladmaniero de la grekoj kaj per la studado de la naturo li enportas ian troigon en ĉiun sian verkon. Laŭ ĉi tio, kelkajn korpopartojn aŭ muskolojn li forte ellevas, akcentas kaj la ceterajn sisteme mildigas kaj malfortigas. Sed per ĉi tio ne estas elĉerpita lia funkcio: li portis en la skulptarton la problemon de la lumo, kiun li trovis jam sur la statuoj de la antikvaj grekoj. Lia klopodo estas, logi al siaj statuoj la lumon kiu trafluas sur la marmoro, glitas sur la glataj supraĵoj, ekhaltas en la abruptaĵoj, rampas sur la kliniĝoj, kroĉiĝas al la tuberoj. Estiĝas fortaj lumkontrastoj, kiuj per la efiko de la aero kunfandiĝas en delikatan harmonion, en kiu ricevas akcenton ĉiu ellevita parto.

La plej kriza punkto de lia artista kariero estis la afero pri la statuo *„Balzac"*. Neniun el liaj skulptaĵoj oni atakis kaj mokis tiel akre kiel ĉi tiun. Oni diris ĝin „plenŝtopita farunsako". Ankaŭ ĝia koncepto estis nekutima. Rodin prezentas *Balzac* en la momento kiam nokte li ellitiĝas kaj iras al sia skribotablo por noti siajn pensojn, kiuj lin ne lasas ripozi. La tutan statuon regas grandaj amasoj; la vasta mantelo en larĝaj faldoj ĉirkaŭprenas la grandegan korpon, kies formoj nur kelkloke



Auguste Rodin — Bronzepoko

1 Sur nia titolpaĝo.
2 Taine. La idealo en la arto.
3 Nur la troigoj estas vere grandaj.

elleviĝas, por ke nia atento tiom pli turnu sin al la fiera, malhumila kapo de Balzac. Ankaŭ sur lia potenca kapo la grandaj formoj valoriĝas, lia frunto estas larĝa, la okuloj profunde enkaviĝintaj, la brovoj elleviĝas kaj esprimas grandan volforton, la vangostoj elstaras kaj ĉirkaŭ la kunpremitaj lipoj sidas moka esprimo. La kontrasto de la lumo kaj ombro donas al ĝi forton kaj animon, kaj tian vivon kian esprimi per materialo povis nur la antikvuloj kaj *Michelangelo*.

La artidealo de *Rodin* estas mem la Vivo: „La idealo — diras Rodin — troviĝas ĉie... ĉie, kien artisto metas sian manon kaj — kia arto, ĉu pentra, skulpta, rakonta... estas ja egale... la ĉefafero estas ke oni ekvidu en la verko la esprimiĝon de la homa animo. En la naturo ĉio estas bela: la maljunulo, la junulo, la sufero, la ĝojo. Ankaŭ la velkanta floro same havas sian ĉarmon kiel la apenaŭ ekkrevinta burĝono. Sola universala beleco ekzistas: la Vivo".

*P. Varsányi*

---

# MONDLITERATURA OBSERVO

## JUNA LITERATURO EN AUSTRALIO

Grupeto da ambiciaj junaj aŭstralianoj ĵus fondis novan trimonatan gazeton, titolitan „Vision". La redaktoro verve klarigas, ke „vizio" havas la signifon de mensa klarvido, kiu prezentas al ni konkretaĵon, ne „trompon de vidsento" kaj ne estas identa je spiritismo aŭ revado. En la antaŭparolo la redaktoro skribas: „Kiam *Keats* (angla lirikisto, 1795—1821) klopodis analizi la rilatojn inter la faktoj imagitaj kaj realaj, li uzis la komparon pri la belvoĉa kantistino, kiu ni imagas belvizaĝa. Ne grave kia estas ŝia vizaĝo efektive, — li diras — tiun vizaĝon ni vidas! — Ĉar kion la imagado kreas per sia povo, tio efektive ekzistas, kaj la kapablo: vizii preter la aktualaĵo, ĝis ĝia imagita analogio en pli alta kondiĉo de sensoj — estas Vizio.

La gazeto celas enhavi bonan poezion kaj prozon, „kiu liberigos la imagpovon per gajeco kaj fantazio". Ĉar se gajeco ne estas aldonita al la realismo, la „pesto de *Zola* aŭ la ‚locomotor ataxia' de *Flaubert* fine devos ataki la cerbon." Ĝi celas „pravigi la junecon de Aŭstralio" ne per modernismo, sed per la kapablo „esti viva".

Pri la granda milito kaj postmilita milito nia juna redaktoro skribas: „Konsiderante la profundecon de la senviviĝo, en kiun la mondo falis dum la milito — ĉar la malamo estas febraĵo, esprimo de interteco, ne forto —, konsiderante, ke nun, por la unua fojo en la historio, per konscia intelekta elekto estas esprimita en la artoj la primitivismo, estas klarvideble, ke se la konscienco ne prenos baldaŭ reiron supren, la vivemo tro malaltiĝos por povi sin repreni iam. La renesanco estas neceso..."

„Ni estas por la juna generacio: por tiuj, kiuj havis sperton dum la granda milito kaj tamen havis sufiĉe da kuraĝo por elporti ĝian cerbefikon de teruro, kaj por tiuj, kiuj dum ĝi maturiĝis kaj nun atingis maturiĝon. Sur la ŝultroj de ĉi tiuj kuŝas la ŝarĝo de l' mondo hodiaŭ. Nur escepte ili turnas sin al la esprimo de malkaŝemo kaj rido; la mondo estas kondamnita. Ĉar estas aksiomo, ke tiu generacio, kiu produktis la militegon, estas damnita tute."

„Unue ni vidu perspektive la militegon. Ĝi estis nur supraĵa esprimiĝo de la malviviĝo, kiu havis pli profundajn kaŭzojn ol tiuj de la politiko, aŭ ol ĉiuj leĝoj de stomako laŭ *Marx*. La lasta centjaro estis apoteozo de la memkontento kaj hipokrito. En Anglujo — tiaj personoj kiel *Macauley, Ruskin kaj Matthew Arnold*, malmoligis ĉiujn valorojn ĝis la limo de glatmieneco kaj memkontento. En Francujo la raciistoj, la intelekto kiu rigidigas ĉion ĝis ŝtoniĝo, kriis triumfe: „Ni dissekcis kadavron kaj ĉion ellernis pri la vivo".

„Ambaŭ tiuj ĉi direktoj de menso estas malbonaj. Ĉar ambaŭ estas flankeniroj al la paraliziĝo de l' spirito, al la ekstermo de ĉiu vivema kontento pri la vivo, ĉu estis uzata la bastonego de la angla moraleco aŭ la sekca tranĉilo de la franca raciismo. Ambaŭ ja fakte finis per primitivismo, per proklamado de ĥaoso, kiel de reganta principo de l' modernismo. Ni kredas, ke la nun alvenanta generacio, kiu vidis la sangan finon de la lastcentjara triba etiko en la militego kaj futurismo, returnos sin al la Belo kaj Pasio. Ĝi devos fari tion, aŭ la mondo detruiĝos. Ĝi devos sin turni al la vivo kun la spontaneo de l' gajeco kaj deziro; ĝi devas kredi nur je la Nietzsche'a dio, kiu dancas; ĝi devas posedi gajan harditecon al ĉiu doloro kaj tragedio; ĝi devas ĵeti en la maron ĉiujn valorojn de memkontento kaj subpremo."

„Kaj ĝi esprimos ĝian amon al la vivo per nenia dogmo: rezigni al suferoj aŭ kontraŭbatali ilin. Ĝi estos tro kuraĝa por uzi unu aŭ alian el ĉi tiuj rimedoj por eviti respondecon. Ĝi mortigos ne per kolero, sed per vido. Ĝi eĥos la vokon de Nietzsche kontraŭ ĉiu, kiu, eluzinte la impulson de vivo en si mem, malamas tiun ĉi impulson en la aliaj." „La malnova mondo estas mortanta. Ĝi mortu! Nin ne erarigu tio, ke multaj el ĝiaj loĝantoj promenas sur la stratoj. La estonteco de la mondo restas kun tiuj junaj kaj liberaj spiritoj, kiuj vidas la vivon kiel aferon de mistero kaj belo, kiuj denove senvualigos siajn okulojn por vidi la diojn alveni teren kaj loĝi apud kamenoj kun la homoj. *Apollo* sur la kamparoj kaj *Aphrodite* sur la liliodeklivoj. Ilia muziko kaj kisoj estas por tiuj, kiuj havas korojn gajajn kaj kuraĝon de sia deziro."

Kelkaj pluaj konsideroj de nia juna frataro aŭ ravas aŭ ŝokas la gelegantojn laŭ individua vidpunkto. „Ni trovos, ke *Rubens* estas ankoraŭ Estro de l' Estonteco, sed, ke *Botticelli* sopireme forvelkas ree al sia mezepoka hejmo de fiksitaj kaj deprimantaj formoj: ke *Epstein* perdiĝis kaj ke *Praxiteles* ankoraŭ estas kondukanta lumo antaŭen... Ni malakceptas poetojn kiel *Dante* kaj *Milton*, kaj artistojn kiel *Michel Angelo*, kiuj ĉekore estas malamantoj de l' Vivo, malvarme konstruante impresajn konstruaĵojn: poetojn kiel *Shelley* kaj *Swinburne* aŭ pentristojn kiel *Raffael*, ĉe kiuj temas nur pri abstraktoj. La *Shelley*-oj kaj *Raffael*-oj estas rigardataj kiel „spiritualaj", ĉar ĉe ili temas pri malpreciza kondiĉo de senso. La malsameco inter *Rubens* kaj *Raffael, Keats* kaj *Shelley*, ne estas tio, ke unu estas sensuala kaj la alia spiritual. *Rubens* jam formis en sia cerbo la materialon de l' senso konkrete kaj forte, kaj tial li reprezentas Spiriton; *Raffael* nur havas malfortan tenadon de senso kaj tial mankas al li Spirito. Kelkaj supozas, ke Raffael (t. e. tiuj, kiuj similas mense al Raffael) havas liberan elekton por esti Raffael aŭ Rubens kaj li elektas esti Raffael. Nenio povus esti pli malproksime de la vero."

Por la „Vizio" Norman *Lindsay*, nia genia artisto faras lertajn dekoraciojn de gajaj satiroj, gecentaŭroj kaj simplaj geviroj, kies nudeco ŝokas kelkajn. Li ankaŭ skribas kelkajn artikolojn defendantajn la nudecon en la arto. Cetere la gazeto estas sufiĉe milda por plenkreskuloj, kies cerboj ankoraŭ ne ŝtoniĝis.

*L. E. T*

## J. A. LARSEN: LA ŜTONO DE L' SAĜULOJ

Dum la lasta jaro granda dana eldonejo „Gyldendal" aranĝis literaturan konkurson kun la premio de Kr. 50.000 kaj honorario de Kr. 20.000. Komitato konsistanta el konataj danaj kaj norvegaj literaturistoj juĝis pri la verkoj. En la konkurso partoprenis multaj danaj kaj pluraj norvegaj aŭtoroj. Tamen, ĝis nun preskaŭ tute ne konata aŭtoro, sinjoro *J. Anker Larsen* gajnis la premion per sia libro *„De Vises Sten"* (La ŝtono de l' saĝuloj) kaj li tiel per unu frapo faris sian nomon konata kaj fama tra la tuta Skandinavio kaj eĉ le poste tra la tuta mondo.

La libro estas jam tradukita kaj estos eldonata en Svedio ĉe *Albert Bonnier*, Stockholm, en Finnlando ĉe *Verner Söderström*, Helsinki, en Anglio ĉe *Gyldendal*, London, en Usono ĉe *Alfred A. Knoph*, New-York, en Nederlando ĉe *Elzevier*, Amsterdam, en Ĉeĥoslovakio ĉe *Jos. R. Vilimek*, Praha, en Hungario ĉe *Genius*, Budapeŝt, en Hispanio ĉe *Felipe G. Rojao*, Madrid kaj en Germanio ĉe *Gyldendalscher Verlag*, Berlin.

La tendenco de la libro estas tute alia ol tiu de la

ordinaraj nuntempe. Ĝi pritraktas religian problemon. En „Boknyt" (Novaĵoj pri libroj) de *Gyldendal, Dr. phil. Egil Rostrup* skribas jene pri la libro:

„La ŝtono de la saĝuloj" estas libro pri tio, kiel oni trovas Dion. De kiam loĝas homoj sur la tero, ili ĉiam serĉis diaĵon. Neforgesebla aspiro en la homa animo igis ĝin serĉi dum jarmiloj senlace kaj senhalte. Kaj la religiaj genioj trovis Lin ĉiam denove. Sed iliaj posteuloj, la profesiaj teologoj, anstataŭ deklari la tute simplan veron, kaŝis lin sub la montoj de l' indiferentaj dogmoj kaj mitologiaj sistemoj, ĉar ili estis blindigitaj de geografiaj kaj historiaj hazardoj."

„En ĉiuj landoj kaj dum ĉiuj tempoj, interne de ĉiuj religioj, estis kaj estas mistikuloj, kiuj ĉiam denove rekomencis tiun serĉadon pri Dio. Ĉiuj, tute egale, ĉu la parolo estas pri la hindaj *jogi*'oj aŭ pri la islamaj sofiuloj aŭ pri la kristanaj mistikuloj, ĉiuj ili serĉis laŭ sama maniero. Kaj ĉiuj trovis siamaniere. Al ili tute malaperis la hazarda dogmosistemo, de kiu ili komencis, kiam ili, tra psika profundiĝo en si mem, atingis la plej supran formon de l' estado per la sentempa kaj senspaca kunekzisto kun la Dio de l' mondo."

„*Anker Larsen* estas religiema, ateista mistikulo. Li ne provis per dogmoj kaj eksegezo, sed per tute simpla persona travivaĵo. Li purigis la religian senton, liberigitan de ĉiuj hereditaj sistemoj de religioj. Li trovis ĝian psikan bazon, kaj tiu ĉi gvidis lin preter ĉiuj teologioj de la mondo, al la grandaj, helaj ebenoj, kie la grandaj mistikuloj de la mondo trovis la plej profundan sencon de la vivo, la kunvivadon kun tiu Dio, kiun ili ĉiuj serĉis."

„Per sia granda libro, „La ŝtono de la saĝuloj", kiu estas formita kiel multflanka kaj interesega romano, li rakontas al ni pri la vojoj, sur kiuj li migris, pri la danĝeroj, kiujn li renkontis, kaj pri la mirinda celo, kiun li atingis, kaj li rakontas tiel simple kaj klare, ke ĉiu infano povos kompreni."

„La ŝtono de la saĝuloj" estas la unua facile komprenebla rakonto en la monda literaturo pri tio, kio estas Dio kaj kiel oni trovas lin. *E. Wahl*

## DRAMO PRI LA BLINDULOJ: LA UNUA TAGIĜO.

Hugo *Csergő* ne estas ankoraŭ fama verkisto, ankaŭ en sia lando li ne estas multe konata kaj dramajn sukcesojn li ankoraŭ tute ne havis, sed kiuj konas liajn verkojn, tiuj scias, ke li estas vera literaturisto, kiu per klaraj okuloj rigardas la internon de la aferoj kaj kun sentanta koro iras tra la abismoj de la homaj animoj. Lia nova dramo prezentata nuntempe en la budapeŝta teatro „*Renaissance*" ne atingis grandegan sukceson kaj ne estas certe, ĉu oni prezentos ĝin en iu eksterlanda teatro. Sed ĝiaj literaturaj kvalitoj kaj ĝia interesa, ne ĉiutaga enhavo indigas ĝin por paroli pri ĝi.

„La unua tagiĝo" montras al ni la vivon de la blinduloj. Ilian apartan socion kun ĝia solidareco, la simplan veran vivon en la blindulinstitutoj tiel, kia ĝi efektive estas.

La muziko donas la plej multan feliĉon al la blinduloj de la instituto, kiuj — la pliaĝaj — atendas la tempon, kiam ili ricevos ian okupon en siaj hejmaj urbetoj. Viro volas esti orgenisto de preĝejo, knabino — muzikinstruistino, junulo — skulptisto. La viro kaj la knabino, denaske blindaj, ekamas unu la alian. Ili konas sin nur per tuŝo kaj palpado kaj per rigardo en la animojn, pli profunda kaj pli forta, ol ĉiu rigardado de la vidantaj homoj. Ili revas pri bela, paca vivado sub preĝejturo de hejma urbeto. Kaj tiam venas la uragano.

Kuracisto eltrovis sanigilon kontraŭ ĉia blindeco, kun tuja efiko. La kuracilon oni devas injekti sub la okulojn. Sed la kuracilo estas granda veneno kaj povas kaŭzi morton aŭ frenezon. La bonvola direktoro de la instituto do ne volas eksperimenti kaj ĝeni la animstaton de ĝiaj loĝantoj. Sed ili hazarde ekscias ĝin. La doktoro mem venas al la direktoro por altrudi la kuracilon. Unu el la blinduloj restas kaŝite en la ĉambro kaj aŭdas ĉion. La direktoro, forirante la saman vesperon al teatro, pro rapido transdonas al sia nevineto la danĝerajn kuracilojn, kontraŭ lia volo tie lasitajn de la trudema eltrovinto. La flirtema knabineto, kiu ĉiam incitetas la blindulojn kaj eĉ kokete altiras tiun junulon, kiu amas la blindulinon, ne sciante pri la enhavo de la skatoleto, transdonas ĝin al la blindulino, por ke ŝi portu ĝin en la direktoran ĉambron. La blinduloj restas solaj en la ĉambro, kaj tiu, kiu kaŝe ĉion aŭdis, ekscitite rakontas al ili, ke en la skatoleto estas ilia vidpovo.

La uragano eksplodas. Ĉiuj volus vidi. Precipe junulo, kiu nur antaŭ monatoj perdis sian vidon. Fine oni decidas, ke la plej aĝa, la kvazaŭfianĉo de la knabino estu la unua. Sed ŝi, eksciinte pri la danĝereco de la afero, ne volas lasi lin kaj riproĉas, ke li volas vidi nur por ekkoni la knabineton la nevinon de la direktoro. Ja tiu mem diris, ke ŝian belecon oni povas vidi nur per vidantaj okuloj. Kiam la domo silentiĝas dumnokte, la blinduloj ŝtele revenas en la laboratorion kaj en la mallumo ili faras la operacieton. Kaj li ekvidas. Li ekvidas la unuan tagiĝon de sia vivo kaj admiras la belecon de la naturo, li ekvidas la knabineton kaj enamiĝas al ŝi, li provas rigardi en la okulojn de la blinda knabino, sed dolore diras, ke ŝiaj okuloj estas fermitaj, li ne povas vidi en ilin. En la ekkrio de la knabino suferanta enestas la profunda senco de la dramo: „Li ne povas rigardi en min, li ne povas plu vidi mian animon!" La kruda sentenco pri la nevido de — vidanta homo.

Sed la kuracilo donas vidpovon nur por unu tago tiam oni devas ripeti la aferon. Dumtempe la blinda knabo, kiu nur de kelkaj monatoj estas blinda, pro malpacienco nokte iras en la urbon, serĉas la kuraciston, petas tujan injekton kaj mortas. La kuracisto, vidante sian fiaskon, mortigas sin. Antaŭ la blindulo komenciĝas denove la malhelo. Ekstere tondras, pluvegas, la naturo malbeliĝas kaj li samtempe ekvidas, ke la vidanta knabineto nur koketis kun li, ke ŝia animo ne estas tiom valora, kiom valoras liaj blindaj konatuloj, precipe lia blinda knabino. Kaj li mem disrompas la reston de la kuracilo, ke neniu plu eksperimentu per ĝi. La vidantoj ja estas ofte multe pli kriplaj, ol la blinduloj, en kies animo ree regas kontento kaj feliĉespero, trankvilo kaj kredo.

Oni rimarkas, ke la verkisto kaj aktoroj studis antaŭe la blindulan vivon en la institutoj. Ne estas do mirige, ke ili devis ankaŭ scii, ke la lingvo por la inteligentaj blinduloj estas Esperanto kaj skizante ilian vivon oni parolas pri legado de Esperanto-gazeto kaj pri ricevo de verkoj en Esperanto. Tiu malgranda rimarko montras, kiel laŭvive estas prezentita la dramo. *Vera Nurhom*

---

# BIBLIOGRAFIO

## BUKEDO

Kolekto de literaturaĵoj originalaj kaj tradukitaj de diversaj aŭtoroj. Eld: Esp. Triumf. — Naŭ rakontoj, kalejdoskope diversaj, tre diferencaj laŭ tono, verkmaniero kaj stilo — la libreto estas vera valora amuzilo. La tradukaĵoj estas bone elektitaj: la interesa novelo de la dana St. St. *Blicher* estas tre plaĉa per sia naiva, senpretenda rakontmaniero; *Mereĵkovski* scias majstre revivigi la facilan spiriton de la itala mezepoko, kelkfoje kvazaŭ mem *Bocaccio* rakontus la novelon; la rumana *Caragiale* estas reprezentita per tre bonhumora skizo el la vivo de la aktorinoj; la noveleto de la hispana *Béker* impresas per sia peza atmosfero; la „Ĥano kaj lia filo" de *Gorkij* estas famekonata ĉefverko.

La originalaĵoj estas ankaŭ tre legindaj. El la noveleto de E. L. *Osmond* radias ŝia kara bonkoreco kaj amo al la homoj kun aparta ĉarmo; *Hohlov* rakontas strangan sonĝhistorion pri sorĉistinoj kaj Esperanto, per ĉi tiu ŝerca ekpenso montrante sin de tute nova flanko; la tre vive rakontita noveleto de *Baghy* pri kurioza virina venĝo frapas per sia neatendita poento.

La stilo estas tre bona, viva kaj natura, kiu estas certe multloke merito ankaŭ de la reviziinto, *Zanoni*. Bedaŭrinde preseraroj ne mankas. *(—las)*

## KONCERTA KANTARO

Simplaj kantoj kun facila akompano de fortepiano. Redaktis: P. C. Brederode kaj K. Veldkamp. La tekstojn tradukis: Jan Ziermans. Prezo: 5 svfr.

Grandformata, 80-paĝa muziknotkajero, kun bela eksteraĵo kaj vere valora enhavo. Ni trovas en ĝi la plej ŝatatajn kantojn kantatajn dum koncertoj. Schubert, Giordani, Beethoven, Haydn, Mozart, Mendelsohn, Cornelius, Schumann, Rob. Franz, Löve, Reissiger, Woyna, Berat, Martini estas reprezentitaj per siaj plej belaj kantoj. Krome enestas du ĉarmaj francaj kanzonoj el la 18-a centjaro kaj ses belaj holandaj kantoj. Aranĝantoj de Esp. koncertoj certe ne povas malhavi ĉi tiun kajeron. La traduko de la tekstoj estas lerta kaj bone kantebla. Kelkloke tamen ĝi ŝajnas iom rapide farita, eble, malgraŭ la grandaj malfacilaĵoj, oni estus povinta trovi pli feliĉan solvon, pli novajn rimojn, pli perfektajn asonancojn. Sed kantate tio certe ne ĝenos, oni ĝuos la bonan kanteblecon de la tekstoj. *(—las)*

## LA ĜEMO DE UNU SOLECA ANIMO DE VASELJ EROŜENKO

Eldonis: Orienta Esperantista Propaganda Instituto, 1923. Aĉetebla ĉe s-ro Hujucz, Eastern Miscellany, Commercial Press, SHANHAI, Ĥinujo, — Prezo 18 anglaj pencoj aŭ 7. resp. kup. — Bone kaj bele presita 90-paĝa kajero en 16⁰ formato. — Klara facile komprenebla, flua stilo. — Negravaj pekoj: superflua uzo de la nedifinita artikolo unu — ankaŭ en la titolo, kelkfoje erara uzo aŭ neuzo de la difinita artikolo, uzado laŭ franca kutimo — ne devas fari — anstataŭ — devas nefari. — En la poemoj ne tro riĉa rimtrezoro, des pli riĉa apliko de elizioj, formanta kelkfoje apenaŭ elparoleblajn vortkunmetaĵojn, kiel *monstrbrut, verrabband,* k. s. — La tuta verketo tamen estas leginda kaj certe multe legota.

Post la titolpaĝo troviĝas la portreto de l' aŭtoro. La okuloj forte kunfermitaj faras la vizaĝon kvazaŭ virinan iom severa. — Ĉu tiu ĉi samideano estus la danĝera revoluciulo, kiun forpelas registaroj? Ĉu li estus plej bona amiko de Ĥinujo kaj de la tuta homaro, kiel skribas s-ro Hujucz en la A n t a ŭ p a r o l o? Ni rigardos! La unua parto de la libro ŝajnas jesi je la unua demando, kaj klarigi la kaŭzojn. — La dua neas ĝin kaj jesas la duan demandon.

*„Unu paĝeto el mia lerneja vivo"* plorinde montras kiel venenas nehumana, senama instruado en Moskva blindullernejo la junan infankoron de l' aŭtoro. Kiel li lernas, ke la fermitaj okuloj ne vidas eksterajn diferencojn, sed la koro ekvidas, ke mallaŭdita flavrasano estas pli aminda kaj inteligenta, ol blankkoloraj maljustaj, malicaj instruistoj. Tie li lernas, ke onklon de imperiestro en belega uniformo, sekvatan de aro da leŭtenantoj brilantaj, ĉirkaŭatan de gardistoj ĉerkesaj, ornamatan sur la brusto per ordeno, kian neniu alia persono havas en la lando, — nevidantaj okuloj povas ŝajnigi abomena, kruela, malklera rusa policano, — kaj ke almozulo, kun ĉifonaj vestoj kaj malpura korpo povas aperi pli respektinda kaj bonvola, ol princoj de reĝaj familioj.

La iĝas dubanto je ĉio — ĉio, kio estis instruata al li dubas aŭtoritaton, justecon, Dion. Ĉion. — Kvar poemoj montras la sekvon:

„Homarano" li fariĝas; ekflamas en lia koro fajre „am' al homar', am' al liber'". Sed la *„Antaŭdiro de l' ciganino"* — liaj konkludoj — instigas ami per malamo. La homa sorto estas ĉiam esti trompata perfide. „Ciganino diras veron, ciganin' ne trompos vin", kaj ne trompos vin ponardo kaj mortveneno. Jes, helpiloj de diablo fidele vin helpos detrui ion ajn, sed atentu, venĝo kontraŭ aliaj aŭ kontraŭ via sorto mem, neniam povas plibonigi senton de malfeliĉo. — *„Malespera koro"* ja ne povas trovi fratan manon eĉ plej sopiritan, la malespero estas la plej forta barilo neebliganta alproksimiĝon de amikaj sentoj, ĉar ilin atendanta kun ĉiama suspekto. Tial la impresoplena *„Lulkanto"* instruas: „Se ne rajdos vi aliajn, oni rajdos vin; se ne rabos ni aliajn, oni rabos nin". La spertoj de la infanaj jaroj instruis lin bone, sed novaj ideoj „laŭ blankhoma stilo" hardis malmolan ruĝan veston malaman ĉirkaŭ la koro flamanta pro hom-amo. Se tiu rigida kovrilo fendiĝas, ni klare vidas la veran animon, verajn korsentojn de l' aŭtoro, — kiu neniam povus esti rabanto kaj rajdanto de popoloj, aŭ klasoj venĝataj.

Tra gloraj fanfaroj de l' venkinta armeo, tra triumfo de l' fiera patrujo, li aŭdas en *„La tago de l'monda paciĝo"* la veojn de mortintoj, vunditoj, kripligitoj, vidvinoj kaj orfoj, ĵetitaj senbezone en mizeron suferan.

Kaj li komprenas en la *„Antaŭparolo"* de la serio da ĉarmaj, kortuŝaj *„Rakontoj de falinta folio"* ke estas vana klopodo ami nur sin mem, fari ĉion por certigi la propran estadon, — kiu nur tiom faras dum sia tuta vivo, tiu fine restos sola, tute sola, kompatinde sola en malseka aŭtuno.

Kaj *„La strata arbo"*, kiu vidis la gloron de Ĥinujo dum miljaroj kaj parolis mirinde belajn historiojn pri ĝi, — volas morti, kiam rabistoj blankaj kaj flavaj, altrangaj kaj malaltrangaj, samlandaj kaj fremdaj, igas la fortan, antikvan, kulturriĉan kaj amoplenan ĥinan popolon, en la nomo de la „kulturo laŭ blankhoma stilo", malforta senhonora, monavida, mizera sklavo. — La antikva arbo ne povas morti, li devas vivi. kaj aŭskulti la plendojn de kompatindaj, tre atentindaj figuroj de ĥina mizero, kiuj venas por konsilo al la antikva, saĝa arbo, kiu silentas, silentas, ke ĝin povas kompreni nur koro plena de amo. La suda zefiro sonĝas *„Pri la lando de revoj"*, li serĉas la forflugintan sonĝon ankaŭ ĉe la arbo antikva, li eksentis la feliĉan insulon, kiu kuŝas sur la maro de amo eterna, ĝi havas havenon, laŭ intimeco neniam ŝanĝiĝantan; en tiun havenon fluas belega rivero de neelĉerpebla ĝojo, „En ĝi floras la floroj de fideleco kaj konfideco, kreskas la arboj de virtoj, tie altiĝas monto de libero, tie brilas la suno de vero, la luno de justo, la steletoj de belaj artoj". La zefiro suda invitas tien la printempajn foliojn verdajn, la junajn korojn. Sed la sinamaj-senamaj koroj ne aŭdas la respondon de la arbo antikva, demandita pri tio, — ili ne komprenas la silentan averton de l' tero-patrino, ili dubas, dubas pri ĉio, ili klopodas resti kaj restadi ĉe la hejmaj branĉoj. Kelkaj, tre malmultaj nur komprenas la vokon al la lando de revoj, kelkaj, tre malmultaj nur komprenas *„La sekreton de unu malgranda knabino"*, kiu donas verdan kronon por la frato mortonta, por kies enterigo ŝi estos vendata de la kruelaj geonkloj, kiel ankaŭ ŝiaj fratinoj estis vendataj. Ili maturiĝas flavaj, tamen nur tre malmultaj kunsentas kun *„Homo Ĉevalo"* mizere mortanta post brutala suferplena vivo, — nur kelkaj klopodas konsoli la kriplan monstreton, kiu je prezo de sia *„Unua trezoro"*, ekkonas la kruelecon de sia sorto, nur tre malmultaj ruĝe-velkontaj aŭtunaj folioj kompatas *„La knabinon kun malgrandaj piedoj"*, kiujn piedojn kovras sango kaj polvo, kiam ŝi ekiras retrovi la feliĉon, rabitan de la „kulturo laŭ blankhoma stilo".

Sed la aŭtoro komprenigas al ni tiujn rakontojn, kaj ni ne plu volas esti dubantaj sinamaj folioj, ni volas ankaŭ kompreni la alvokon de l' suda zefiro, konstrui mem la landon de feliĉo, kies vojon klare montras la blankebrila lumo de amo, la verda stelradio de l'espero. Ni ankaŭ volas flustri al knabineto naŭjara, ke ne nur saĝuloj kaj amplenaj fratoj devas frue morti, — ni ankaŭ volas murmureti al la malespera ĝinrikŝo, ke la homo ja havas rajton al feliĉo, se li eĉ havas gravan ŝuldon de sufero pro iamaj suferigoj, — ni ankaŭ volas helpi al la kripla knabineto ekvidi en sonĝo, ke ŝi ja iam estis, kaj certe ŝi ree estos bela kaj feliĉa. Kaj ni volas ankaŭ sanigi la vundojn de l' malgrandaj piedoj kaj diri al la kompatinda ĥina knabino, kaj al ĉiuj knabinoj, — al la monavida ĥina junulo, kaj al ĉiuj junaj viroj. „ke por marŝi la vojon de l' vivo oni bezonas ne grandajn piedojn, sed grandan animon, ke por batali la batalon de l' vivo estas necesaj ne piedegoj de tigro, nek hufoj de ĉevalviro, sed la volo decida, la klara racio, la koro kuraĝa, — la justa, honesta spirito, la scio profunda pri la mondo".

Tion al ni instruas la verketo, ĉu ne, ĝi instruis nin bone. Ĉuvi Lovostan

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró